AŬSTRIA

# ESPERANTO-REVUO

*Oficiala organo de la austria Esperanto-movado*
*Offizielles Organ der österreichischen Esperanto-Bewegung*
*Aperas monate*
*Redakcio kaj administracio: Vieno I., Neutorgasse 9, Austrio. — Telefono U 20-3-51*

*NRO 4-5*
*1-a JARO*
*NOVEMBRO-DECEMBRO 1946*

## EL LA ENHAVO:



## LASTA INFORMO:

La unuaj ekzamenoj antaŭ la restarigita ŝtata ekzamenkomisiono por Esperanto komenciĝos la 16. 12. 1946 je la 8-a matene en la ŝtata seminario por instruistoj en Wien I., Hegelgasse 12.

# Austria Esperanto-Revuo

Abonprezoj:

Jarabono aŭstr. ŝil. 5.—, 1 ekz. aŭstr. ŝil. —.50,
por eksterlandoj jarabono svis. fr. 5.—, 1 ekz. svis. fr. —.50,
por la membroj de Aŭstria Esperantista Federacio
senpage. Ĉiuj prezoj inkluzive sendkostoj.
Represo nur kun fontocito.

---

## *Esperanto en la Radio*

**Bern,** 47,28 m, ĉiuĵaŭde je la 19-a h.
**B. N. R. O. Kortrijk,** 203,3 m, ĉiuvendrede de 21.30—21.45 h.
**Moravska Ostrava,** 325,4 m, ĉiumarde kaj ĉiuvendrede de 22.50 h.
**Praha,** 49,92 m, ĉiutage de 22.30—23.00 h,
ĉiulunde kaj ĉiuĵaŭde 470 m, de 22.50—23.00 h.
**Sofia,** 352 m, ĉiumerkrede je la 17.50-a h.
**Warszawa,** 49,06 m, ĉiulunde de 23.00—23.15 h.
**Wien:**
„Wien I", 506,8 m, ĉiumerkrede 6.35—6.45 (kurso),
„Wien II", 228,6 m, ĉiudimanĉe, 18.40—18.45 (informoj).
Rimarkigo: Pro eventualaj ŝanĝoj la menciitaj tempoj ne povas esti garantiataj.

### Esperanto en la praktiko

Helpu doni pruvon pri la utileco de Esperanto en la ĉiutaga laboro de la gazetaro.

Pro pruvi, ke Esperanto estas tre valora kaj utila en la praktiko ankaŭ kiam temas pri la gazetaro, ni starigis danan-esperantan gazetaran oficejon. Ni serĉas artikolojn de ĉiuj landoj (pri ekonomio, komerco, scienco, arto, fakoj, politiko, kulturo, junularo, turismo ktp. ktp.), aktualajn raportojn (pri elektado, gravaj festaĵoj, aliaj okazintaĵoj, kongresoj, naturkatastrofoj ktp. ktp.), priskribojn (pri regionoj, urboj, naturo, moroj k. s.), biografiojn de konataj homoj, tradukitajn aŭ originalajn literaturaĵojn (noveloj, poemoj, humoraĵoj, k. s.). Ni prizorgas la tradukadon el Esperanto kaj sendas la manuskriptojn — laŭ speco — al ĉiutagaj gazetoj, fakaj ĵurnaloj aŭ semajnaj revuoj. Ni ankaŭ bezonas fotografaĵojn el ĉiu mondparto.

Ĵurnalistoj, verkistoj kaj aliaj Esperantistoj, kiuj volas liveri materialon, — ni ne povas ĉi tie — pro manko de loko — doni detalan priskribon, sed bonvolu skribi al ni kaj ni donos al vi ĉiujn informojn.

Adreso: Redaktoro Rich. G. Nielsen, Herlufmagle, Sjaelland, Danlando.

AŬSTRIA
ESPERANTO-REVUO

# Nia Majstro

Memore al la naskiĝo de d-ro L. L. Zamenhof

La 15-an de Decembro ni esperantistoj ĉiulandaj laŭkutime festas la naskiĝtagon de „nia Majstro". Zamenhof mem, en sia modesta maniero, ne ŝatis tiun titolon. Sed liaj dankemaj disĉiploj jam ne volis lasi tiun honoresprimon por li, kiu ne nur iniciatis, elverkis kaj enuzigis la lingvon internacian, sed kiu dum sia tuta vivo, dediĉante al ĝi ĉiujn fortojn, vere kiel majstro direktis la fluadon de la nova idiomo. Li ne faris ĝin kiel ĝia aŭtoritata gvidanto, sed nur kiel ĝia plej kompetenta konsilanto. Ĝuste tial, ke li ne arogis al si iajn aŭtorajn rajtojn pri sia verko, sed donacis ĝin al la tuta mondo, deklarante, ke „ĝi estas nenies propraĵo" kaj „ĉiu povas uzi ĝin por ĉiaj celoj", ĝuste tial li merite elvivis la liberan disvastiĝon de Esperanto en preskaŭ ĉiuj landoj de la tero.

Konvenas do okaze de lia naskiĝtago, iomete esplori la kaŭzojn de tiu ĉi nekomparebla sukceso kaj serĉi ilin antaŭ ĉio en lia modesta, sed genia personeco. Multaj antaŭ li provis fondi internacian interkomprenilon, filozofoj, lingvistoj kaj fakemuloj ĉiuspecaj; sed laborante ĉefe per la intelekto, ili ne trovis la ĝustan, vivipovan kombinon inter la logike konstrueblaj elementoj kaj tiuj naturaj formoj, kiuj disvolviĝis en la naciaj lingvoj kiel esprimaĵoj ne hazardaj, sed esencaj por la homa animo. Lingvo ja ne estas nura intelekta meĥanismo, sed ĝi estas propreviva organismo, movata ĉefe de sentoj, same kiel la aliaj, nelingvaj esprimoj de la homa naturo. Zamenhof, kiu sciis multajn lingvojn kaj kaptis iliajn efikojn intuicie, kreis sian lingvon internacian ne nur laŭ logiko, sed formis ĝin per vojocerta instinkto kiel kvintesencon kvazaŭ de la hindogermanaj lingvoj. Kaj li inspiradis ĝin per sia vivospiro kaj metis en ĝin sian tutan karakteron klaran, honestan, realeman kaj tamen plenan de alta idealo. Sed antaŭ ĉio li donis al sia lingvo senton, senton tute novan, naskitan per lia idealo de unuigita homaro. „Nova sento venis en la mondon", ĝi korpiĝis en la lingvo Esperanto kaj per tiu rimedo firme kaj frate kunligas nin esperantistojn sub la simbolo de la verda stelo en „unu granda rondo familia", kia, laŭ nia himno, iam fariĝu la tuta homaro.

Tiu ĉi sento de ne limigita homaramo kaj spirita kunaparteneco de ĉiuj adeptoj vivtenas Esperanton tiel, ke eĉ du mondmilitoj ne povis pereigi ĝin. Kiel post la unua mondmilito, tiel la Esperanto-movado ankaŭ nun rapide reorganiziĝas kaj religas la cerbojn kaj korojn trans limoj ŝtataj kaj ideaj. Oni ne povas trotaksi tiun ĉi internan efikon de Esperanto. Ĝi ekzistas malgraŭ la fakto aŭ eble eĉ ĝuste pro tio, ke Esperanto ankoraŭ ne estas ĝenerale rekonita. Gravas konstati, ke ĝi jam nun multflanke servas al la uzantaro diverspopola. Kaj la kulturvaloroj alportitaj al ĝiaj uzantoj — eĉ ne kalkulante la krome atentindan sumon da ĝojo, kiun ĝi donas al ili — estas sendube sufiĉe konsiderindaj, por rekoni ĝian faktan utilon jam en la nuna stato de la movado, apartenanta ankoraŭ al la periodo propaganda, ne jam oficila.

Sufiĉus do vere la praktikaj kaj moralaj gajnoj alportitaj de Esperanto, por pravigi festadon de l'naskiĝtago de ĝia kreinto.

Sed ĉu lia genia verko estas la sola kaŭzo por tiu festo? Ĉu ni memorsolenas lian naskiĝtagon nur pro lia verko? Ne! Je la 15a de Decembro ni ne tiom festas la aŭtoron de Esperanto ol prefere la homon Ludoviko Lazaro Zamenhof. Granda verko estas ne disigebla de la verkinto. Lia inspiro plu vivas en ĝi. Kaj ni ne povas pli bone prezenti al ni la „internan ideon" de Esperanto, tiun eternan ideon de ĝenerala frateco inter la homaro, ol per sekvema enpensiĝo en la noblan animon de ĝia kreinto.

Plej fidele skizis ĝin lia amiko Edmond Privat en sia kortuŝa biografia libro „Vivo de Zamenhof". Kiu posedas tiun ĉi libron, tiu festas la naskiĝtagen de nia Majstro en ĝua maniero, legante aŭ relegante lian vivhistorion. Laŭ tiu ĉi Zamenhof jam kiel knabo estis saĝa, modesta, pensema, studema kaj obstineta. Amikoj nomis lin „barono" pro lia trankvila sintenado kaj ĝentilaj manieroj. En la lernejo li montris kleron neordinaran kaj talenton por verkado. Lia modela kaj celkonscia infankaraktero jam antaŭsignis la estontan grandecon.

De sia patrino li heredis, simile al Goethe, la sentemon kaj bonkorecon. Li juste indigniĝis spertante jam kiel infano la malkomprenon kaj sangajn kverelojn inter la poloj, rusoj, germanoj kaj judoj, loĝantaj en lia hejmurbo Bialystok; kaj sekve li sopire ekrevadis pri estonta sia tasko, unuigi la homajn gentojn per unu komuna lingvo. Li estis inspirita de profunda, religia kredo, ke ĉiuj homoj estas korpe kaj spirite egalaj kaj ke la manko de komuna lingvo estas la ĉefa kaŭzo de la malpaco inter la nacioj. Laŭ tiu kredo Zamenhof verkis kaj vivis. Estante gimnaziano, li havis sian projekton preta. Mokoj de la maturaj homoj kaj eĉ malpermeso de lia patro ne povis forigi el lia animo tiun ideon, kiun li rigardis kaj sekvis kiel sanktan taskon de sia vivo. Kiam lia patro, timante, ke la filo povus tro

deflankiĝi de siaj medicinaj studoj, forbruligis ĉiujn manuskriptojn. Zamenhof — krom siaj universitataj studoj — baldaŭ reskribis ĉion el sia memoro, kaj post naŭ jaroj da plibonigado kaj praktikado je sia lingvo sukcesis al lia persistemo, eldoni la unuan broŝuron. „L'espero, l'obstino kaj la pacienco" venkigis la aŭtoron de Esperanto kaj ili ĝos ankaŭ — laŭ lia poemo „La vojo" — venki la Esperantismon.

Sed la homamo de Zamenhof ne nur manifestiĝis en lia senlaca laborado por Esperanto, al kiu li oferis multajn noktojn, kiuj konsumis la vidpovon de liaj malfortaj okuloj kaj la vivpovon de lia malforta koro: sed tiu homamo pruviĝis ankaŭ en lia cetera, privata kaj profesia vivo. Modela, zorgema familiestro, bonkora okulkuracisto, ĉiam helpema al siaj malriĉaj klientoj, li dediĉis ĉiujn povojn kaj havojn al la bono de siaj kunhomoj senkonsidere de iliaj rasoj, religioj aŭ mondkonceptoj. En ĉiu li vidis nur la homon, kaj lia amo al siaj homfratoj estis senlima. Li estis vere neriproĉeble modela en sia vivado. L: kristana servistino iam diris pri li, sia hebrea domomastro: „Li estis sanktulo!" Ĉu oni povas imagi laŭdon pli grandan kaj pli fidindan?

Lingvisto eble povas konstrui lingvon, propagandisto povas konigi projekton de mondpaciĝo, sed nur vere bona homo kun konvinke pura karaktero povas krei faktan interkomprenilon kun tia interna ideo kia enestas en Esperanto. Lia verko vivos kaj prosperos tiel longe kiel ĝi estos gvidata de la spirito Zamenhofa. Ne sufiĉas nomi lin „nia Majstro", sed ni esperantistoj devas ĉiel sekvi lian modelon. Oni ja ne povas varbi por pacideo sole per la buŝo, sed necesas vivekzemploj por konvinki la mondon pri la sincereco de la movado.

Zamenhof mortis en la unua jaro de l'unua mondmilito. Dum la dua mondmilito detruiĝis lia naskiĝloko kaj probable ankaŭ lia naskiĝdomo. Sed lia spirito plu vivas en la fidelaj anoj de Esperantujo, kaj liaj ideoj estos gvida stelo tiel longe kiel la popoloj de tiu ĉi tero luktos por kunvivado pli komprenema.

Je la naskiĝtago de Ludoviko Lazaro Zamenhof ni klinu nin en profunda respekto pro lia morala grandeco kaj ĵure promesu al ni, ke ni ne nur inde laboru por lia ideo, sed mem estu indaj al ĝi. Tiaj ni venkos. E. W.

---

Ni ne forgesu, ke Zamenhof konstante malrekomendis troan severecon kaj rigidecon, kiuj ne estas konformaj al la spirito de la lingvo, nek al la leĝoj de la homa intelekto, nek al la bezonoj de la vivanta praktiko.

E. Grosjean Maupin.

# *ZAMENHOFA REMEMORO*

La Majstro vivas ankaŭ post la morto,
unua pioniro de l'ide'!
Suferi por estont', ho nia sorto,
esperu vi neniam je trofe'!
Volonte sekvu ni piedosignojn,
jen ilin lasis Majstro nur post si,
ne timu ni de l' vasta mond' enigmojn,
ni kredu al ideo kiel li!

Du grandajn katastrofojn en la mondo
ĝisvivis ni mizere en terur' —
ĉu venos nun la tuthomara rondo?
La unueco — savo estos nur!
Ekzistis mond' kruele dividita,
popoloj bataladis en milit',
la gefrataron — koro disŝirita! —
subpremis sanga kaj sovaĝa mit'!

Konfesos ni la kredon al la vero,
en u n u lingvo nur parolos ni,
Gravegaj la laboro kaj aferoj,
venk'sekvos, ni laboros nur por ĝi!
Ne mortis Majstro, ne en nia koro,
la verda flago flugu en la vent'
dum Zamenhofa festa rememoro,
eterne daŭros lia monument'!

E. J. G ö r l i c h (Wien)

## ZAMENHOF-FESTO

**de AEF**

okazos dimanĉe, la 15an de Dec. 1946, je la 15a, en Schubert-salono de Viena Koncertdomo.

La programo estos ĝustatempe konigata al la Viena esperantistaro.

# La stelo

Kiam en la sankta nokto
Dia am' homiĝis tere,
Sur ĉiel' ekbrilis s t e l o,
Lumis al homar' mistere.

Pia paŝtistar' ĝin vidis,
Aŭdis vokon sen dubemo
Kaj sekvadis stelan gvidon
Al la stal' de Betlehemo.

Al la stal' de Betlehemo,
Kie en malriĉmizero
Kuŝis sur la pajl' en kripo
Tiu, kiu lum' kaj vero.

Malproksimaj idolanoj
La ĉielan signon vidis,
Sekvis la internan pelon
Kaj la stelo ilin gvidis.

La tri reĝoj adorante
Metas antaŭ Kristinfano
La incenson, mirhon, oron
En humil' el riĉa mano.

La paŝtistoj, malriĉuloj,
Ne havante mirhon, oron,
Oferdonas plej valoran,
La bonvolan, puran koron.

De la stalo Betlehema
Iris vok' al tuta tero,
Ke en ĉiu kor' estiĝu
Kredo, amo kaj espero.

Sed la homoj en obstino
Rifuzante dian gracon
Daŭre en sopir' ĝemantaj
Vane celis mondan pacon.

Pasis jaroj kaj epokoj.
Vivis, mortis gent' post gento
Militante. — Jen ekvenis
En la mondon nova sento.

Stelo brilis sur standardo,
Paca signo, verda stel',
Nova sent' influas mondon,
Paco ĝia nobla cel'.

Sed — ĉu nova tiu sento?
Ĉu ne Kristo jam la reĝo
Diktis interhoman amon
Al la mond' per sankta leĝo?

Pacon anĝelar' profetis
Al homar' kun bona volo
Kaj la stel' de tiam estas
De la paco la simbolo.

Ankaŭ nian verdan stelon
Donis dia kompatemo,
Ke ĝi estu vojmontrilo
Al la stal' de Betlehemo.

Tie stel' de Esperanto
Estu via cel' en graco
Ĉe Jesuo, font' de l'amo.
Nur de Li alvenas paco.

Christine Siedl.

naskis gravegajn virojn, kiu kreis modelajn instituciojn, lando kun alta kulturo, gvida sur kampo de muziko kaj aliaj artoj, sed ankaŭ lando kun diversaj malperfektaĵoj kiel ĉio en la vivo.

Venis nigraj nuboj super Aŭstrion, kiam venkis la nacisocialismo en Germanio kaj sangis milionoj da aŭstraj koroj, kiam en 1938 la lando — forlasite de ĉiuj demokratiaj landoj — perforte estis okupita de la Tria Regno. Dum la daŭro de kelkaj jaroj poste oni povis forviŝi la historian nomon de la landkartoj kaj anstataŭigi ĝin per la nomo „Ostmark", sed en la koroj de la loĝantoj despli ardis la nomo Aŭstrio. Kaj vere, la rememoro de la aŭstroj pri siaj apartaj ecoj, kiuj diferencigis ilin de la germaneco estis la n e v o l a historia merito de la naciista okupado. La subpremado de ĉio aŭstra, la teruraj spertoj dum la milito, ĉio ĉi naskis en la koroj kaj cerboj de la aŭstroj novan aŭstran renesancon. Dolorige instruis nin la historio: ekzistas aŭstra homo, ekzistas aŭstra kulturo, ekzistas aŭstra ŝtato kaj el la aŭstra popolo fariĝu aŭstra nacio.

Kiom hontige por ni estis dum la okupado devi diri: „Ni estas germanoj", tiom ĝoje kaj fiere ni nun akcentas antaŭ la mondo: „Ni estas kaj restas aŭstroj!" Kaj en ĉi tiun konfeson ni volas enplekti la dankon al la aliancaj nacioj kaj armeoj, kiuj nur per sia venko ebligis nian liberiĝon. Certe ankaŭ ekzistis perfiduloj, sed tiajn havis ankaŭ aliaj landoj negermanaj.

Ege malriĉiĝis nia lando pro la milito kaj ties sekvoj; ni malsatas, ni frostas ankoraŭ ĉiam pro la specialaj cirkonstancoj en nia kompatinda respubliko, sed ni tamen ne perdas la esperon pri pli bona estonteco.

Aŭstrio situas meze de Eŭropo, ĝi estas kvazaŭ ponto inter oriento kaj okcidento kaj pro tio ni volas esti amikaj al ĉiuj popoloj. Dum la preskaŭ miljara historio de Aŭstrio miksiĝis en niaj vejnoj la sango de ĉiuj najbaraj popoloj kaj tio kaŭzis, ke la aŭstroj posedas specialan senton pri internacia kunlaboro kaj reciproka dependeco.

Tio respeguliĝas same en la aŭstra kulturo akceptema por ĉio bona kaj valora en la mondo kaj parto de tiu ĉi kultura sento ankaŭ estas la novestiĝinta kaj plifortiĝanta Esperanto-movado en Aŭstrio.

950 jaroj pasis de kiam montriĝis la unuaj konturoj de nia respubliko, sed en sia evoluo ĝi staris sur pli solida fundamento ol la „miljara regno", kiu post nur 12 jaroj remalaperis. Laboru ni aŭstroj senlace sur ĉiuj kampoj por la plena rekonstruo de nia regajnita patrujo; per nia senrezerva amo ni komune gardu ĝin kontraŭ ĉiuj eblaj minacoj de interne kaj ekstere, por ke ni sekurigite ĝin povu transdoni al niaj posteuloj kaj plenumiĝu la historia profetaĵo: A ŭ s t r i o s t a r o s e t e r n e !

A. B.

# Kie restas S. A. T.?

Certe ĉiu vera esp-isto, kiu ne unuavice konsideras Esperanton kiel ilon por speciala akcelado de iu politika aŭ nepolitika ismo, ĝoje salutis la komunikon, ke reprezentantoj de IEL kaj UEA en Bern intertraktis pri kunfandiĝo de ambaŭ internaciaj organizoj kaj trovis tiurilatan favoran bazon. Oni povas do esperi, ke la centraj estraroj de IEL kaj UEA akceptos la rezulton de la intertraktadoj kaj nenio plu baros la jam de longe atenditan kunfandiĝon de la du similaj internaciaj organizoj.

Estas vere strange: tra la tuta mondo sonas la voko pri interkonsento inter la popoloj kaj ŝtatoj sur ekonomia, politika kaj kultura kampoj kaj malgraŭ ĉiuj malfacilaĵoj, kaŭzitaj per la sekvoj de la mondmilito, ni devas esperi, ke la ĉi-rilataj penadoj de la respondaj politikistoj tamen fine kondukos al sukceso, alie oni devus malesperi pri la sorto de Eŭropo. Kelkaj kreitaj interŝtataj instancoj kaj organizoj jam montras la trajtojn de la estonta kooperado inter la popoloj sub la gvidado de UNO.

Nur ĝuste la esp-istoj, kiuj propagandas la lingvon internacian kiel ilon por la interkomprenigo inter la popoloj, tiuj bedaŭrinde mem ne povis trovi ĝis nun bazon por internacia, bontona, komuna kunlaborado kaj ili ŝajne ne komprenas, ke ili per tio mem miskreditigas Esperanton, ĉar tre multaj personoj, iam lernintaj la lingvon, allogitaj pro ĝia ideo homaranisma, ree forlasis la E-movadon, naŭzitaj pro la politika kaj spirita dissplitiĝo inter la esp-istaro.

Estus vere ridinde, se la afero ne estus tiom malĝojiga: Ni predikas unuecon inter la popoloj diverslingvaj kaj diversgentaj, sed ni esp-istaj samlingvanoj havas tri internaciajn organizojn: IEL (Anglio), UEA (Svisio) kaj SAT (Francio) kaj ni ne estas certaj, ĉu ne morgaŭ ie fondiĝos nova internacia organizo.

Vere, se Zamenhof povus vidi la dissplitiĝon inter siaj nunaj disĉiploj, li mem malesperus pri la venko de sia grandioza ideo kaj verko de sia tuta vivo kaj elvokus kun abomeno: „Kun tia Esperanto, kiu ne havas la internan forton alproksimigi la mensojn kaj korojn de siaj propaj adeptoj, mi volas havi nenion komunan!"

Tia disiĝo de la energioj, batalantaj ofte pli unu kontraŭ la alia ol por la prospero de Esperanto, neniam aŭ eble nur post treege longa tempo povas konduki al celata sukceso.

Fine nun IEL kaj UEA trovis la vojon al kunfandiĝo en unuecan internacian organizon. Sed estiĝas la demando: Kie restas SAT?

Ni ne scias ĉu la IEL kaj UEA-komitatoj invitis SAT-on al komuna kunlaboro aŭ ĉu SAT rifuzis kunlabori en komuna internacia organizo. Sed laŭ la enhavo de „Sennaciulo" (aŭgusto ĉj.) oni povas

konkludi, ke SAT ankaŭ estonte ne emas kunlaboradi kun la tielnomata burĝa kaj neŭtrala E-movado. (Niascie Karlo Marx komprenis sub „burĝoj“ ion alian ol ĝenerale estas la esp-istoj „burĝaj“.) Ni do provu esplori, ĉu SAT pravas en tio rilate al Esperanto kaj nur t i o estu en niaj konsideroj decidiga, kio utilas al Esperanto.

„For la neŭtralismon!“ kaj „For la dogmojn!“ estas du gvidaj devizoj de SAT. Niaopinie ĉiu serioza esp-isto — ne sur la SAT-anoj — povas akcepti tiujn devizojn en la E-movado. Ni dummilite ja praktike spertis, ke vera neŭtraleco ne ekzistas kaj tio validas sur ĉiuj kampoj de vivo. Neniu estas vere neŭtrala ekz. en la politiko. Tion oni ankaŭ ne povas atendi aŭ postuli de la esp-istoj, ĉu laboristaj aŭ „burĝaj“, se oni devas diferencigi ilin laŭ tiuj terminoj.

Sed en la E-movado nacia kaj internacia ĉiuj tendencoj havas komunan celon: l a  v e n k o n  k a j  o f i c i a l a n  a g n o s k o n  d e  E s p e r a n t o. Kaj por akceli kaj atingi ĉi tiun celon la esp-istaro tutmonda d e v a s kunhelpi, kunlabori. Ankaŭ SAT al tio estas devigata, kiu diverslande kolektas en sia organizo grandan parton.

E. Lanti ekz. parte pravas dirante („S-ulo“ 8/46): „Neniun profiton ricevus la proletaro, se ĉiuj ambasadoroj, konsuloj, militistoj k. s. parazitoj el la tuta mondo parolus nian lingvon . . . .“ Sed pri tio ja ne temas en la E-movado, ĉar Esperanto ne estis kreata de Zamenhof por solvi socialajn aŭ ekonomiajn problemojn, sed por doni al la diverslingvaj nacioj kaj gentoj komunan interkomprenilon. Bedaŭrinde tre malproksima estas ĉi tiu celo kaj ĝia efektivigo postulas la energion de ĉiu esp-isto s e n e s c e p t e.

Unue ni k o m u n e helpu al la venko de Esperanto kaj ĝia oficiala agnosko tutmonda per laŭcela kunlaborado de ĉ i u j tendencoj inter la E-movado internacia kaj nacia kaj nur p o s t e, kiam ĉi tiu grava celo estos atingita fare de impona, unueca kaj vere enfluhava internacia E-movado, t i a m oni povos meti la lingvon krom aliaj celoj ankaŭ laŭ la SAT-vidpunkto en la servon de la sennaciismo, klasbatalo aŭ de ia ajn ismo.

Ĉu tio signifu, ke ni deĵuru nian politikan, kulturan aŭ religian mondkoncepton? Absolute ne! Sed ni forigu la politikon ĉiuspecan el la E-movado ĝenerale kaj praktiku ĝin nur en la respektivaj partioj, organizoj, eklezioj ktp. Unue ni faru la eksperimenton pri nacia kaj internacia kunlaboro inter ĉiuj tendencoj kaj nur poste ni juĝu, ĉu ĝi sukcesis aŭ ne. Sed se tiu provo fakte ne estus realigebla, tiam ni ĉiuj entombigu la esperon, ke Esperanto relative baldaŭ povos konkeri la mondon.

En Aŭstria ni praktike elprovas tiun komunan kunlaboradon kaj ĝi rezultigis ĝis nun bonajn sukcesojn. La estraron de AEF konsistigas socialistoj, komunistoj kaj katolikoj, sed ne eksonas unu

politika vorto, ne estiĝas aliaj diskutoj en la kunsidoj krom pri la demandoj, kion ni povas komune fari por prosperigi Esperanton. Kvankam ni do n e estas neŭtralaj, ni respektas kaj toleras la politikan kredon de la alia. Kiel esp-istoj ni pace povas kunlabori, kion ni certe ne povus kiel partianoj, se temus pri politikaj aferoj. Tial AEF ne estas organizo neŭtrala, sed supertendenca.

Tia devus esti ankaŭ la karaktero de nova internacia E-organizo: ĝi ne plu estu neŭtrala, sed s u p e r t e n d e n c a kaj en ĝia estraro estu reprezentantoj el ĉiuj gravaj demokratiaj partioj por reciproka kontrolo, ke la tuta organizo ne estu metata en la servon de tiu aŭ alia partio ktp.

Per tio ni n e intencas pledi, ke SAT eble likvidu sian fakan organizon kaj kunfandiĝu kun IEL kaj UEA en unuecan organizon. Tute ne! SAT plenumas specialan kaj laŭ la vidpunkto de laboristaj esperantistoj eĉ neĉesan taskon kaj ĝin devos plenumi ankaŭ estonte. Sed SAT ĝis nun laboris sen ia interligo kun la alia t. n. neŭtrala Esperanto-movado kaj tio malfortigis la sukcesojn de ambaŭ movadoj.

SAT do, niaoponie, povus plene konservi sian apartan organizon kun ĝiaj specialaj porlaboristaj celoj kaj propran organon, sed ĝi tamen kunlaboru en la ĝenerala E-movado tutmonda ekz. en formo de internacia laborista frakcio, sekcio aŭ aliforme. Trovi la tiucelan organizan bazon estus tasko de lojalaj intertraktadoj inter la centraj komitatoj de IEL, UEA kaj SAT. Kie regas bona volo, tie certe troviĝas taŭga solvo.

Kiom profitus morale kaj materie la E-movado tutmonda per tia nacia kaj internacia kunlaboro inter ĉiuj E-organizoj! Kiom tio pli mallongigus la vojon ĝis la finvenko de Esperanto! Certe multegaj laboristaj esp-istoj eĉ konsentus tian kunlaboradon de SAT por la bono de Esperanto. En ĉi tiu konekso estas salutinda la klarigo de redaktoro Bas Wels („S-ulo" 8/46), kiu ŝajne iom simpatias kun la propono de Flandra E-Ligo, ke: „ĉiuj E-asocioj pristudu la starigon de tutmonda E-instanco kiu reprezentus ĉ i u j n esp-istojn."

La neŭtralecon en la E-movado ni do anstataŭigu per supertendenceco kaj unu devizo de SAT estas efektivigata. La duan devizon: „For la dogmojn!" SAT m e m povas realigi per revizio de sia ĝisnuna organiza maksimo. Tiam la 32-a Universala E-Kongreso 1947 en Bern eble povos esti manifestacio de nova, esperiga kaj celkonduka periodo en la nacia kaj internacia E-movado.

En epoko, kie la mondo luktas pri novaj principoj por plifaciligi la kunvivadon de la turmentata homaro, Esperanto havas egan ŝancon por esti agnoskata oficiale. Sed ĝi nur venkos per k o m u n a kunlaboro de ĉ i u j E-organizoj naciaj aŭ fakaj en u n u granda internacia movado — **nun aŭ neniam!** Alfred Berdan, Vieno.

# LITERATURO

## Prof. A. Einstein pri la atommilito

Okaze de la eksperimento en Bikini-atolo la nobel-premiulo prof. Albert Einstein esprimis dum intervjuo kun Mich. Amrine sian opinion rilate la politikajn efikojn de la atoma energio.

Einstein diras: „Rilate al mia antaŭ nelonge esprimita opinio, ke la homaro nepre lernu pensi tute novmaniere, se ĝi volas postvivi kaj atingi pli altan vivnivelon, multaj interpelacioj diversflankaj estis direktataj al mi.

En la evoluado de la mondo ofte okazis, ke unu hom-speco devis — por povi postvivi — akordiĝi al novaj cirkonstancoj. Hodiaŭ la atombombo ĝisfunde ŝanĝis la naturon de l' mondo kia ni ĝin konis ĝis nun. Pro tio la homa raso vidas sin nun vid-al-vide de nova situacio, al kiu ĝi devas akordigi sian pensmanieron.

En la lumo de tiu ĉi nova ekkono mond-aŭtoritato aŭ eventuale mondŝtato estas ne nur dezirindaj en la nomo de l' homa fratecaro: ili estas eĉ necesaj, por ke la homaro postvivu.

Tio devas resti la esenca punkto de ĉiuj niaj konsideroj pri internaciaj aferoj. Alie ni vidus nin antaŭ certa pereo. La pensmetodoj de l' pasinteco ne povis malhelpi mondmilitojn. La estonta pensado nepre devos malhelpi militojn.

En la moderna milito revoluciaj cirkonstancoj naskiĝas el malkovroj kaj eltrovaĵoj. Neniam antaŭe estis eble, ke unu popolo milite atakis alian popolon ne sendante armeon trans la limon. Hodiaŭ pro raketoj kaj atombombo neniu popolo de la tero estas sekura antaŭ surprizo kaj detruo per unu sola atako.

Ameriko por la momento havas politikan superecon pro sia armilaro. Sed Ameriko mem estas certa, ke ĝi ne povos daŭre konservadi sian sekreton. Kion la naturo malkovris al unu grupo da homoj, tion ĝi estonte ne kaŝtenos antaŭ aliaj homgrupoj.

Ĉar la amerikanoj estas eltrovema popolo, ili ne volas kredi, ke ekzistas nenia antaŭvidebla defendo kontraŭ la atombombo.

Tamen estas fundamenta fakto: La scienculoj konas neniun regionen, kiu promesus iun ajn esperon al konvena defendebleco kontraŭ la atombombo. La adeptoj de militarismo alkroĉas sin al malnovaj pensmanieroj kaj unu ministerio de Usono konsideras la eblecon, subterenigi kaj translokigi la fabrikojn dum milittempoj en subterajn kavernojn, similajn al la mamutaj kavernoj. Aliaj parolas pri dispartigo de popolaj centroj en la urboj.

Rigardante ĉi tiujn novajn faktojn, racie pensantaj homoj rifuzas konsideri estontecon, en kiu nia kulturo provus kontraŭ la atombombo postvivi en subteraj tomboj. Krome la propono nepre ne efikas trankvilige, instali laŭlonge de la marbordoj centmilojn da viroj, kiuj daŭre esploras la ĉielon helpe de Radar-aparatoj. Ne ekzistas defendebleco! Pafilkugloj mortigas virojn, sed atombombo mortigas tutajn urbojn. La tanko estas defendrimedo kontraŭ kugloj, sed ne ekzistas defendilo kontraŭ armilo, kiu detruas la civilizacion.

Nia defendo konsistas nek el armado, nek el scienco, nek el tio, ke oni kaŝas sin sub la tersupraĵo. Nia defendo devas esti leĝo kaj ordo. De nun la ekstera politiko de ĉiu nacio ĉe ĉiu punkto devas esti ekzamenata laŭ unu vidpunkto, t. e.: ĉu ĝi kondukas al mondvalora leĝaro aŭ al anarĥio kaj morto. Mi ne kredas al tio, ke ni povas samtempe prepari militon kaj aliflanke la mondkomunecon.

Ni ĉiam ankoraŭ fabrikas bombojn, kaj bomboj kreas malamon kaj suspekton; ni konservas kaj kaŝtenas sekretojn, kaj sekretoj naskas malfidon. Mi ne diras, ke ni malkaŝu al la mondo la sekreton de la atombombo, sed, ĉu ne estus pli bone, serĉi mondon tute alian, mondon, kiu bezonas nek atombombon, nek aliajn sekretojn; mondon, en kiu la scienculoj estas liberaj?

Dum Ameriko malfidas la sekretumaĉon (Geheimniskrämerei) flanke de Sovetio kaj Sovetio malfidas Amerikon ni antaŭeniras komune al certa pereo. Oni tro multe priatentas laŭleĝajn formuladojn kaj procedurojn. Estas pli facile transformi Plutoniumon ol la malbonan spiriton, kiu regas la homaron.

La organizo de la Unuiĝintaj Nacioj estas la sola instrumento, kiu estas je nia dispono por atingi ion pli bonan per nia batalo. Popoloj (inkluzive la popoloj de Ameriko) okaze uzis la U. N. kaj ilian aparaton por venki per voĉplimulto alian popolon, eĉ se la alia popolo — laŭ mia opinio — estas prava. Mi eĉ ne kredas, ke estus eble, ke unu popolo ĉiam pravas aŭ ĉiam malpravas.

Neniu neos, ke la organizo de U. N. jam pruvis, ke la lasta espero de milionoj da homoj rilate al ĝi estas ĝuste fondita. Sed la problemoj kreitaj per sciencoj kaj milito postulas rapidan solvon. Estus granda eraro flankenŝovi ĉiun intereson tiurilatan, ĉar precipe la ordinara homo povas multflanke agadi kontraŭ ĉi tiu danĝero. En demokratiaj landoj oni aŭskultos la ordinaran homon, kiam li malfermos sian buŝon kontraŭ la milito.

Ĝis nun eĉ ne la scienculoj plene komprenis la atomenergion, ĉar ĉies ekkonoj tiurilataj estas malkompletaj. Sole malmultaj personoj vidis ĝis nun la atombombon. Tamen ĉiuj homoj, al kiuj oni komunikas la malmultajn elementajn sciojn pri ĝi, povas kompreni la efikon de la bombo. Ĝi tuŝas ĉiun unuopan homon en la mondo civilizita. Ni

ne povas lasi al la generaloj, senatoroj kaj diplomatoj la taskon ellabori solvon de tio kaj eluzi por tio tutan periodon de generacioj. Eble kvin jarojn post hodiaŭ jam kelkaj aliaj nacioj ankaŭ havos atombombojn kaj tiam povus esti tro malfrue por eviti la malfeliĉon. La ĝusta momento por pripensi kaj priparoli la aferon estas n u n.

Ni diru al ni mem, ke ni ne povas samtempe batali por milito kaj paco. Se en nia spirito kaj en niaj koroj regas klareco, nur tiam ni trovos la kuraĝon majstri la timon, kiu persekutas kaj turmentas denove la mondon."

(Ekstrakte el „Weltpresse", Wien.) Esperantigis: Luise Ziwutschka.

# Falas folioj

De Hugo Kraus

Flavaj, brunetaj, ore lumantaj transparentetoj kvazaŭ, la folioj pendas en la suntrafluata gobeleno de l'aŭtuna arbaro. Suno, lumo, blua ĉielo, maldensaj nubostrioj, nebule blankaj, ili formas la fonon por tuto da ekzistaĵoj fruktintaj, nun ripozemaj, kiuj, ironte por dormi, preparas sin nun la lastan fojon ankoraŭ por brili en plej pitoreska vestaĵo adiaŭa, solene, kviete, kun eta bedaŭro.

Melankolia, elegia preskaŭ, sed tamen lumoplena, radia, la retiriĝema tago aspektas kvazaŭ maturiĝinta homo, kiu nun, supervidante kun ĝojo sian vivofrukton, rezignas pri ĉio, kio lin ornamis, kion li nun adiaŭas, sendolore.

Folioj falantaj! Vi signis la sopiron de l'printempo, la kontenton de l'somero kaj la saton de l'aŭtuniĝo. Kaj nun, ripozon deklarante, vi ĝuete ŝvebigas vin suben, suben al grundo, por reiĝi la materio, el kiu miraklege vi estis grimpinta supren al plej altaj altaĵoj de l'ŝanceliĝemaj branĉetoj. Plej altan altecon atinginte, vi subite eksentis strangan aliiĝon en vi kaj mire-timete vi ekrimarkas, ke via tuta ekzisto-substanco transformas sin por pretiĝo al io nesupozata: Vi revenas al via origina materio! Kaj iam . . . vi nutrante penetros materion denove ĝermantan kaj mem vi eble denove iĝos burĝono folia, sopiratendanta printempon, folio maldorma, kontenta, somera — folio sata, aŭtuna; folio falanta al tero . . .

Sed antaŭ kiam rekomenciĝos la cirklo eterna vin pelos la vento, arbitre, kaprice, malice. Pluvo malvarma vin trempos dronige kaj ofte vi singultos kaj ploros. Kaj je la fino la volo de l'naturo vin likvidos, kovrinte vin per la blanka tuko de l'kompato. Reteriĝintan, la semoj vin suĉos supren, denove al suproj, al suno, kun rea destino pri falo, kun rea destino al cirklo mistera.

Ho sorto de l'homo, vi kiom similas al sorto folia; ho kiom, folioj, similas vi nin!

# La nuna situacio en Bulgario

Ĉiu scias, ke dum la milito preskaŭ ĉiuj eŭropaj ŝtatoj inkluzive la balkanaj estis forrabitaj de la germanoj. Inter ili estis ankaŭ Bulgario, kvankam ĝi ne estis taksata de la Tria Regno kiel Jugoslavio aŭ Grekio, sed estis konsiderata kvazaŭ amika ŝtato. Sed tamen el Bulgario estis fortransportitaj preskaŭ ĉiuj necesaj por la popolo produktoj. Lando, kiu produktadis en la pasinteco grenon, teksaĵojn, vinberojn, terpomojn kaj multajn aliajn produktojn, kiuj sufiĉis por la popolo, tiu ĉi lando ege malriĉiĝis. Ĉion forrabis la germanaj kune kun la bulgaraj faŝistoj. Al ili ne sufiĉis la elrabado de la popolo, sed per la eniro en la militon ĉe la flanko de Germanio ili venigis la landon al la rando de la abismo kaj ĝi vere nur per miraklo povis esti savata antaŭ pereo.

Venis la ruĝa armeo, ribelis la bulgaraj partizanoj kaj la tuta bulgara popolo. La historia dato de 9a de septembro 1944 estas la liberiĝa tago de la bulgara popolo. Tiu ĉi dato estos enskribita en la bulgaran historion per oraj literoj, ĉar de tiu ĉi tago ekkomenciĝis la vera bulgara historio.

Komencis funkcii nova sociordo, nova ekonomia sistemo, nova psikologio, unuvorte nova vivo. Post la liberiĝo estis enkondukata en nia lando agrara reformo, estis voĉdonata en la parlamento leĝoj kontraŭ dummilitaj riĉiĝoj kaj por kooperativigo de la grenkampoj. La leĝo pri forpreno de neleĝe akiritaj riĉaĵoj havas la celon, preni de la diversaj faŝistoj la ŝtelitajn popolriĉaĵojn kaj redoni ilin al la popolo mem.

En la tuta lando regas entuziasmo kiel en la fabrikoj tiel ankaŭ en la vilaĝoj. La laboristoj kaj vilaĝanoj bone komprenas, ke ili nun ne plu laboras por diversaj spekulaciistoj, sed por la stabiligo de sia propra lando. Ĉiusemajne inter la vilaĝoj kaj urboj estas starigataj kulturlaboraj brigadoj. Estas farataj ŝoseoj, fervojoj, elektrigo de la vilaĝoj. Malfermitaj estas multaj lernejoj kaj universitatoj. Tiuj ĉi radikalaj reformoj donas kaj ankoraŭ donos tute novan fizionomion al nia lando.

Okazis la gravaj balotoj al la parlamento kaj pri la demando, ĉu nia patrio restu monarkio aŭ fariĝu libera respubliko. La respondon jam konas la mondo: Bulgario estas respubliko.

N. Nanov.

---

La venko de ia movado dependas de la agado de pluraj fortoj; entuziasmo estas unu el ili; ĝi estas potenca forto de unueco, de kreado kaj solidarigo.

Hector Hodler.

# Konstato — ne pli

Kiam mia plej juna frato komencis viziti la elementan lernejon, mi jam perlaboris salajreton. Kun granda intereso mi, la intertempe fariĝinta fraŭlo, trafoliumis la alfabetlibron de mia frato, ĉar ĝi tute alie aspektis ol tiu, kiun mi uzis antaŭ ok jaroj. Mia a-b-c-libro ja ankaŭ enhavis multajn bildojn, jes, sed la folioj montris nur simplajn, senkolorajn desegnaĵojn. La teksto — se mi nun memoras pri ĝi — en proza maniero enkondukis en la misteron de la skriba gepatra lingvo.

Tiam mi, la fraŭlo, imagis, ke mia malgranda frato pro la belaj, multkoloraj bildoj kaj pro la ĉarma, infaneca teksto de la modernigita alfabetlibro devus pli intense travivi la sencon de la vortoj kaj la akompanajn bildojn ol mi, kiun oni instruis laŭ simpla, modesta a-b-c-libro.

Nun, estante matura, vivosperta viro, mi tute alie pensas pri la diferenca valoro de tiuj du diversaj alfabetlibroj. Hodiaŭ mi scias, ke la infana fantazio estas imagoplena, abunda, senlima. La okuloj de infano — ili ĉie vidas poezion. La tuta mondo al la infana animo prezentas sin miriga, admirinda. Kie, laŭ la opinio de plenkreskulo, mankas koloroj, tie la infana fantazio pentras sukan multkoloron.

Certe: La nuna epoko — la epoko de la tekniko, de la rapideco, de la sporto — ĝi ne permesas al infanoj longan periodon de naivaj imagoj. Jam de frue juna homo fariĝas praktike, reale pensanta. Oni povas diri, ke homido nuntempa post kelkjara ĉeestado sur la gastama terglobo lernas rigardi malantaŭ la kulisojn de la „monda teatro". Nia multflanka kulturo kaj ĝiaj abundaj helprimedoj tro intense okupas la junan homon, pro tio la flugiloj de la infana fantazio tre frue ĉesas, suprenporti en la regnon de l'naiveco. Estas tiel kiel ĉe diokredanto,kiu en simpla, modesta preĝejeto pli facile trovas vojon ĉielen ol en pompa katedralo, kie la imponaj bildoj, la artaj skulptaĵoj, la grandioza arkitekturo ekkaptas liajn okulojn, liajn sensojn, lian atenton.

Jen konstato, ne kritiko. Stezo.

# La praktika lorneto

Mi iris en la teatron kaj kunprenis la lorneton. Ĝi ne estis taŭge alĝustigita. Kiam mi metis ĝin al la okuloj, la figuroj sur la scenejo montriĝis al mi en malklaraj, disfluantaj formoj kaj mi devis ŝraŭbi kaj provi ĝis mi povis vidi kaj observi la diversajn aktorojn en markitaj, precizaj konturoj. Foje, pro ŝerco, mi tenis inverse la lorneton. La grandajn lensojn al miaj okuloj, la malgrandajn direktitajn al la scenejo. Kaj jen la scenejo en fabeleca, fantastika malproksimeco,

malgrandiĝinta je miniaturaĵo, kie kelkaj graciaj etuloj parolis kaj movis sin. Tiel etaj ili estis, kiel ludiloj, kiujn mi estus povinta meti en mian poŝon. Sed poste, kiam mi returnis kaj normale tenis la lorneton, staris la aktoroj naturgrandaj antaŭ mi kaj mi tute ne havis kaŭzon senti min giganto. Kaj mi imagis, kiel bela devus esti se ni ĉiam havus tian lorneton, ankaŭ se nur fiktivan, kiu ebligus al ni, laŭokaze vidi etaj la ŝajnajn grandaĵojn de la vivo kaj grandaj ties ŝajnajn bagatelaĵojn. Jes, mi pensis, kiel bele estus, se ni kapablus rigardi respektive malgrandaj ĉiujn terurojn kaj frenezaĵojn, ĉiujn turmentajn bildojn de la vivo, kaj vidi despli grandaj la belaĵojn de ĝi, ĝiajn diecon kaj eternecon. Mi pensis, kiel bela estus tio! Ĉar nian vivon formas ni mem! Ni povas fari el ĝi ĉielon aŭ inferon, grandiozan panoramon aŭ batalejon de senkompataj kontraŭaĵoj, gajan feston aŭ senfinan turmenton. Diras iu: Mizereco estas afero de propra vidpunkto. La kompatinda Sokrates kiu trankvile trinkis la cikutaĵon, estis riĉa kiel iu dio. Kaj milionuloj dormas malbone, se falas la kurzoj de valorpaperoj, tiom malenviindaj estas tiuj homoj!

Atentu, ke vi vidu grandaj aŭ malgrandaj la aferojn je la ĝusta momento! Tenu inverse la lorneton, se necesas. Pro ŝerco!

Elgermanigis R. Wiendl.

# Filomeno

Mi hodiaŭ rakontos al vi malgrandan, beletan historion, pli bone dirite anekdoton, kiu havas la preferon esti vera, kvankam ĝia verŝajneco ne estas granda. Sed mia amiko, kiu rakontis la aferon al mi, ĵuris, ke ĝi estas vera kaj tial mi ne volas dubi pri la rakontota okazintaĵo.

En nia bela urbo vivas bona virino, s-ino Müller. Ŝi havas filon kaj estas bona patrino. Tiu ĉi filo devis iri en la militon. Li servis en Francio kaj estis kaptata de la amerikanoj.

S-ino Müller longtempe nenion aŭdinte pri sia filo, estis tre malfeliĉa, ĝis fine antaŭ nelonge venis letero de li. Li skribis, ke li estas sana kaj ke li esperas, baldaŭ akiri la liberecon. Vi povas imagi, ke s-ino Müller, ricevinte tiun sciigon, estis la plej feliĉa patrino de la mondo.

Ŝi prenis la lastajn bonajn ŝuojn, kiujn ŝi posedis kaj veturis al sia fratino, kiu loĝas en Tulln. Tie ĉi ŝi interŝanĝis la ledan trezoron je manĝebla trezoro, nome je ansero — vera, vivanta ansero.

Ŝarĝite per tiu ĉi karna riĉaĵo ŝi revenis Vienon kun la firma intenco, oferi la anseron al la festeno okaze de la reveno de sia filo.

Bone, sed la homo pensas kaj la ansero direktas.

Tiu ĉi ruza ansero sukcesis kaŝe penetri en la bonan koron de sia

mastrino, kiu donis al la amata besto la beletan nomon „Filomeno". Filomeno do ne diskuteble estis posedantino de la tuta loĝejo, en kiu ĝi ansere ĉirkaŭiris, kiel ĝia koro volis. Sed tamen iam venis la tago, kiu devis iĝi la sortotago por Filomeno: Karlo, la filo de s-ino Müller, efektive revenis el la militkaptitejo. Kaj jen la festeno de la reveno estus povinta komenciĝi, se — jes, se s-ino Müller estus havinta la kuraĝon buĉi Filomenon. Sed ŝi ne havis tiun ĉi kuraĝon.

Ĉu eble Karlo, la ekssoldato? Tiu ĉi, ne supozite, rifuzis la mortigon de sia adoptofratino. Kion fari, se neniu estas, kies koro estas sufiĉe maldelikata por konsenti la uzon de tranĉilo?

En la dilema horo saĝa najbarino sciis bonan konsilon. Ŝi diris: „Patrino Müller, se vi ne volas buĉi la beston, metu en ĝian nutraĵon iomete da veronalo. Per tio la ansero mortos sen doloro kaj por la viando de ĝi la rimedo ne estos malutila".

Do, la bona virino obeis al la konsilo de la najbarino. Ŝi metis en la nutraĵon la menciitan drogon — kaj vere — Filomeno falis teren kaj restis malviva.

Kun larmoj en la okuloj s-ino Müller senplumigis la anseron kaj metis ĝin en la paton. Sed en la nokto ŝi subite aŭdis la saltetan iron de anseropiedoj. Ŝi opiniis sonĝi. Lumiginte la ejon ŝi vidis kun teruro la nudan Filomenon, kiu nur estis senkonsciiĝinta pro la veronalo kaj nun anserpaŝis en la nuda senplumigiteco, tremante pro malvarmo.

Kaj kion faris s-ino Müller? Ŝi kudris por ĝi manteleton kaj ĉirkaŭmetis ĝin al Filomeno. Kaj tiu ansero, se ĝi ne mortis intertempe, vivadas ankoraŭ hodiaŭ.

Viktor Mann.




des. s-ano WALTER KRAUS

# LA ESPERANTO-MOVADO EN AUSTRIO

**La laboristaj esperantistoj por uneca Esperanto-movado.**

Okaze de laborista datreveno la grupo „Nia Vojo“ aranĝis la 17. IX. 1946. renkontiĝon de laboristaj esperantistoj, kie preskaŭ ĉiuj vienaj grupoj estis reprezentataj. En libera diskuto estis konstatate unuanime, ke AEF estu kaj restu la sola organizacio de la aŭstriaj esperantistoj, ĉar nur komuna laboro de ĉiuj evoluemaj mondlingvanoj gvidos al la venko de Esperanto. Por intensivigi la kontakton kun la kulturaj kaj politikaj institucioj de la du laboristaj partioj kaj por subteni la estraron de AEF je koncernaj intervenoj, la grupo „Nia Vojo“ transprenos en la nomo de la aŭstria laborista esperantistaro la Esperanto-servon de SPÖ kaj KPÖ por simile al la jam ekzistanta Esperanto-servo de ÖVP prizorgi la peradon inter AEF kaj la du partioj. Por demonstri al la politikaj partioj la grandan disvastiĝon de la mondlingva ideo kaj de Esperanto inter la aŭstria laboristaro, la grupo „Nia Vojo“ invitas ĉiujn laboristajn esperantistojn fariĝi gastmembroj de la grupo. Adreso: Laborista Esperantistaro „Nia Vojo“, Wien XVI., Klausgasse 32.

**E-societo „Nia Vojo“ — Wien XVI.**

La grupvespero, vendrede, la 6. IX. 1946, estis dediĉita al la absolvintoj de la komencantkurso. Rilate al la signifo de la vespero k-do Frühmann parolis interese pri la temo: „Esperanto popolliga“. Poste parolis nia ĉiam bonhumora estro, k-do Sager, en sia kutima maniero. Fininte, li salutis la novajn membrojn kaj direktis ankaŭ serenajn vortojn al la kursfinintoj. Li laŭdis la diligentecon, la persiston kaj la intereson, montritajn de la kursvizitintoj, dankis por tio kaj deziris al la partoprenintoj ankaŭ por la estonteco bonan, plenan sukceson. Tiam li transdonis al ili laŭgrade modestajn, sed tre utilajn donacaĵojn kiel laŭdajn prezojn.

La plej sukcesa lernintino, k-dino Hadt, dankis en la nomo de la gelernintoj, promesante, ke ĉiuj vizitos ankaŭ la aŭtunan kurson por progresintoj, por atingi la celon aspiratan de ĉiuj, estiĝi veraj, perfektaj esperantistoj.

Precipe menciinda estas la kurspartopreninta k-dino Mikusch, kiu finis la kurson kun eksterordinara sukceso, kvankam ŝi estas 63 jara!

**Sindikato de poŝt- kaj telegrafistoj (kulturfako)**

adreso: Wien I., Biberstraße 5, okazigas du Esperantokursojn en la instruejo VII., Zollergasse 31. Ili okazas ĉiumerkrede de 16.30—18.30 kaj de 18.30 — 20.30.

**Viena Esperanto-delegitaro**

La estraro de VED povis al la centro de AEF transdoni la sumon de ŝil. 400.— kolektitan inter la vienaj E-grupoj kiel donaco por la prapaganda fonduso. Tiu ĉi sumo estas grava financa helpo al la tutorganizo, kiu memkompreneble per la etaj monataj kotizoj de la membraro ne povus plenumi la multajn necesajn laborojn. Eble ĉi tiu donaco instigas ankaŭ la aliajn grupojn en la federaciaj landoj kontribui donacan sumon por la ĝenerala propagando por Esperanto.

**Esperanto-servo de ÖVP**

E-kursoj por komencantoj okazas ĉiulunde je la 19a h. kaj ĉiumarde je la 8a matene (por posttagmeze okupitoj) en la ejo XVIII. Schulgasse 19, II/18. Kursdaŭro 5 monatoj.

**E-grupo „Verda stelo" — Wien V.**

La grupo devis ŝanĝi sian kunvenejon kaj nun regule okazas la grupvesperoj en la gastejo Fr. Schuster, V., Grohgasse 8, ĉiuĵaŭde de la 18.00 — 21.00 h.

**Vivosigno pri s-ano Franz Scheibenreiter**

Ni sciiĝis, ke laŭdire nia ŝatata s-ano Franz Scheibenreiter troviĝas kiel militkaptito en Tiflis. Ni ĝojas pri tiu ĉi informo kaj esperas, ke nia amiko, bone konata en tuta Esperantujo, baldaŭ hejmenvenos, por ke li denove dediĉu sin al nia movado. Li ja apartenas al la plej valoraj pioniroj de la aŭstria Esperanto-movado. Kiu ne volonte memoras pri lia bonega, en multaj landoj disvastigita „Verda Revuo"?

**Otto Simon.**

Kun vera malĝojo mi eksciis ankaŭ pri la morto de Otto Simon, pri kiu mi gardas plej estimajn rememorojn.

Otto Simon estis ĝis 1907 profesoro por matematiko kaj fiziko en Ung. Hradisch, poste en la Nova Komerca Akademio en Wien. Li fariĝis Esperantisto 1902 post legado de franca revuo de Ch. Meray. Li faris gravan pioniran laboron en la malnova Aŭstrio, gvidis multajn kursojn, verkis artikolojn en multaj gazetoj kaj faris paroladojn pri Esperanto en diversaj lokoj kaj societoj. Li estis ĉiama membro de Germana Esperanto-Asocio ekde la fondiĝo en 1904, el kiu li 1933 pro Hitler-a samdirektigo proteste eksiĝis. Lian plej feliĉan tempon li eble travivis kiel gvidanto de la aŭstria Esperanto-movado, kies prezidanto li estis de 1924 — 33. De 1925 li estis ano de la Ŝtata ekzamenkomisiono, jam de 1905 ano de la Lingva Komitato.

Mi kelkfoje havis la feliĉon renkonti kaj ekkoni ĉi tiun eminentan

kaj tamen tiel modestan homon. Kiam mit 1927 faris la Esperanto-ekzamenon en Wien, mi havis la honoron esti invitata de profesoro Simon al tagmanĝo en lia hejmo kaj esti prezentata al lia familio. Ĉeestis ankaŭ kamarado Klein. Ni ĝuis vere intiman kuneston, por mi kiel juna instruisto el la provinco tio estis travivaĵo. Simon estis kamarado, kiu ne konis diferencon laŭ socia pozicio. Mi ankaŭ rememoras pri malgranda epizodo, kiu montras lian modestecon. Estis post la ekzameno, kiam mi ricevis la ateston. Jam estis sur ĝi la subskriboj de d-ro Wollmann, direktoro de la ekzamen-komisiono, prof. d-ro Hugo Jokl, Josef Schamanek, mankis ankoraŭ la subskribo de Simon. D-ro Wollmann en mia ĉeesto petis Simon subskribi, kion li faris. Sed d-ro Wollmann ankoraŭ ne estis kontenta, Simon estis subskribinta Otto Simon, Wollmann atentigis lin, ke li aldonu: profesoro. Simon ridetis kaj faris ĝin dirante: „Ĉu tio fakte gravas?" Ankoraŭ hodiaŭ oni povas vidi sur mia atesto, ke „profesoro" estis aldonita nur poste.

1930 mi partoprenis ĉefkunvenon de la ALLE (Aŭstria Laborista Ligo Esperantista) en Graz. Simon estis prezidanto. Partoprenis multaj malriĉaj kamaradoj el la liglandoj, por kiuj la partopreno certe signifis financan oferon. Regis vere kamarada spirito, en kies mezo staris la personeco de kamarado Simon, kiu por ĉiu havis afablan vorton. Li atentigis min pri iu kamarado kaj petis min esplori la kaŭzon, kial ĉi tiu kamarado estas tiel malĝoja. Mi parolis kun la kamarado kaj eksciis, ke li perdis sian monujon kaj nun estis en granda zorgo pro tio, kion mi rakontis al Simon. Tuj li kolektis monon kaj mem donacis la plej grandan parton kaj petis min transdoni la monon al la kamarado sen mencii lian nomon. Tio estis Otto Simon.

En la bonega libro „Tra densa mallumo", eldonita de Laborista Esperanto Klubo Kopenhago 1942, mi trovis jenan noton pri profesoro Simon:

„Kiel rifuĝinto el Aŭstrio venis komence de 1938 al Kopenhago unu el la plej malnovaj pioniroj de nia movado, profesoro Otto Simon, Esperantisto de 1902, LK ano 1906—36, prezidinto de la aŭstra LEA, membro de la Viena lerneja konsilantaro. Evidentiĝis, ke li estis jam suferinta multon, kiam li alvenis, forlasinte sian tutan havaĵon, malforta, malsana, sed tamen laŭ sia diro feliĉa sole pro la fakto, ke nun li denove estis en libera lando, kie li povis libere paroli kaj libere morti. Li kelkfoje vizitis nian klubon kaj prelegis tie pri politikaj spertoj kaj siaj abundaj esperantistaj travivaĵoj. Li tiam loĝis ĉe la eksministro eklezia Th. Povlsen, al kies filo lia filino estis edziniĝinta. Poste Prof. Simon transloĝiĝis al Malm, el kie li vojaĝis Kopenhagon per la SAT — kongreso. — Nov. 1941 li kun edzino veturis tra Sovetio

kaj Japanio al Usono, kie li poste tuj mortis. Lia filo d-ro en juro Josef Simon, ankaŭ kelkfoje en 1938 vizitis nian klubon kaj faris tre interesajn paroladojn."

El tio oni povas klare vidi, ke ankaŭ nia kara Otto Simon estis viktimo de la naciregîmo kiel multaj aliaj esperantistoj. Sed por ni, kiuj travivis ĉi tiun tempon, restas la malfacila devo daŭrigi la laboron de niaj pioniroj. Precipe la laboro inter la laboristaro, por kiu Esperanto estas la ideala solvo de la mondlingvo-problemo, ŝajnas al mi grava. Pro tio mi vokas ĉiujn, kiuj konis nian kamaradon Simon, daŭrigi nian laboron kaj tiamaniere plej inde honori la memoron de nia iama prezidanto.

F. Watzinger, Villach.

**Nova Esperanto-sukceso in Aŭstrio:**

# Ŝtata Ekzamena Komisiono

Laŭ dekreto de la Federacia ministerio por instruado de 28. 8. 1946, Zl. 5058—IV/7/1946, estas investita en Vieno Ŝtata Ekzamena Komisiono pri Esperanto. La ekzamenoj okazos laŭ du gradoj:

a) por la instru-ofico ĉe publikaj mezaj lernejoj kaj b) pri la pruvo de la scio de Esperanto. La funkciperiodo de la komisiono daŭras ĝis fino de la studjaro 1949.

La ekzamenon sub a) ĝenerale nur povas fari fakaj instruistoj ĉe lernejoj ĉiugradaj; la ekzamenon sub b) povas fari ĉiu esperantisto.

Pri la sukcese farita ekzameno la ekzamenitoj ricevos ŝtate validan ateston. La direktoro de la ekzamena komisiono fine de ĉiu studjaro devas transdoni al la ministerio por instruado resuman raporton pri la faritaj Esperanto-ekzamenoj kaj nomliston de la ekzamenitoj kun la ekzamenaj juĝoj. Regule okazos ekzamenoj dufoje en la jaro, printempe kaj aŭtune. Ili okazos aparte laŭ ekzamenoj sub literoj a) kaj b) kaj estas publikaj.

Samtempe kun la dekreto pri la komisiono estis eldonita la 13 paragrafa regularo por la ekzamenoj.

Direktoro de la Ekzamena Komisiono estas lernejinspektoro d-ro Maximilian Führing (vicprezidanto de AEF) kaj membroj estas: profesorino d-rino Brunhilde Flasch; direktoro Paul Glüxmann (prezidanto de AEF); ĉefredaktoro Nikolaus Hovorka; universitata prof. d-ro Hugo Sirk kaj lernejinspektoro Hans Spitzer.

La dekreton aprobis kaj subskribis s-ro la Federacia ministro por instruado d-ro Felix Hurdes.

**Esperanto en la Ŝtata akademio por tekniko**

Ĉe la vaste konata Ŝtata akademio por tekniko en Vieno, IX. Währinger Straße 59, komenciĝis en novembro 1946 E-kurso por la studentoj gvidata de s-ano prof. d-ro E. J. Görlich.

Noto: Ni ĝojas, ke ankaŭ en tiu ĉi grava instituto Esperanto trovis eniron kaj deziras al profesoro kaj studentoj plenan sukceson.

# *DIE SEITE DES LERNENDEN*

Geleitet von Hans Aitzinger

Die Nachsilben (sufiksoj) ig und iĝ.

„igi" bedeutet: etwas auf irgendeine Weise bewirken:

bela = schön — beligi = schön machen, verschönern.
pura = rein — purigi = rein machen, reinigen.
sana = gesund — sanigi = gesund machen.
ruĝa = rot — ruĝigi = rot machen, röten.
edzo = Gatte — edzigi = zum Gatten machen, einen Mann heiraten
edzino = Gattin — edzinigi = zur Gattin machen, ein Mädchen heiraten.
stari = stehen — starigi = zum Stehen veranlassen.
sidi = sitzen — sidigi = zum Sitzen veranlassen.

„iĝi" bedeutet: irgendwie werden, in einen Zustand geraten, ohne Hinzutun eines anderen.

bela — beliĝi = schön werden.
pura — puriĝi = rein werden.
sana — saniĝi = gesund werden.
ruĝa — ruĝiĝi = rot werden, erröten.
edzo — edziĝi = zum Gatten werden (aus eigenem Antrieb).
edzino — edziniĝi = zur Gattin werden „ „ „
stari — stariĝi = stehen bleiben „ „ „
sidi — sidiĝi = sich setzen „ „ „

Vergleiche: Das Fräulein rötet die Lippen (macht sich die Lippen rot mit dem Lippenstift): La fraŭlino ruĝigas la lipojn. Das Fräulein errötet (es schämt sich, daher werden die Wangen rot): La fraŭlino ruĝiĝas; deutlicher: La vangoj ruĝiĝas.

„igi" — Wirkung von außen, „iĝi" — Wirkung von innen.

Weitere Satzbeispiele.

La patro edzigas sian filon. (Der Vater ist die Ursache, daß der Sohn heiratet.) La filo edziĝas. (Der Sohn heiratet, verheiratet sich.) Mi pentrigas la bildon. (Ich bewirke, daß das Bild gemalt werde, ich lasse es malen.) Li ŝvitiĝas pro la varmego. (Er gerät in den Zustand

des Schwitzens.) Mi vidas pejzaĝon. La pejzaĝo vidiĝas. (Die Landschaft macht sich sichtbar, wird sichtbar.)

Über das Wort „sidiĝi" sagt Zamenhof in den „Lingvaj respondoj": „Vi estas prava: anstataŭ „sidiĝu" estus pli bone diri „sidigu vin" aŭ „eksidu"; tamen, ĉar la formo „sidiĝu" jam tre longe estas uzata preskaŭ de ĉiuj esperantistoj, tial ĝi fariĝis jam „esperantismo" kaj nomi ĝin eraro oni jam ne povas."

Durch die Nachsilbe (sufisko) „igi" werden Haupt-, Eigenschafts- und intransitive Zeitwörter in Esperanto transitiv, d. h. sie verlangen eine Ergänzung im 4. Fall. Dagegen werden transitive Zeitwörter durch die Nachsilbe iĝi zu intransitiven. Z. B.: Mi fermas la pordon. La pordo fermiĝas. (Die Tür schließt sich, von selbst.) Daher kann man niemals aus Wörtern mit der Nachsilbe „iĝi" die leidende Form (la pasivon) bilden. Beispiel: La lago glaciiĝis. La lago estas glaciiĝinta (niemals glaciiĝita). Wir merken uns: iĝata — iĝita — iĝota darf niemals gebraucht werden; dafür immer nur: iĝanta — iĝinta — iĝonta.

## Zur Übersetzungsaufgabe in der Augustnummer

Die vielen Einsendungen beweisen das große Interesse, das solchen Aufgaben entgegengebracht wird. Nicht weniger als 64 Übersetzungen aus Wien und einigen Bundesländern sind teils von Esperantogruppen, teils von Einzelpersonen eingelangt. Einsender, die außerdem noch verschiedene sprachliche Fragen an mich richten, bitte ich, sich mit solchen Fragen an das Esperanto-Institut, Wien I., Neutorgasse 9, zu wenden. Dieses ist gerne bereit, sprachliche Fragen von allgemeinem Interesse in der Revuo zu beantworten. Ich selbst bin wegen Mangels an Zeit nicht in der Lage, alle Fragen im gewünschten Sinne zu erledigen. Leider sind manche Schriften ganz unleserlich. Und nun die Übersetzungen in Esperanto:

1. Mi vizitas balon. (Mi iras al balo.) 2. Mi fartas bone (bonfartas). 3. Kiel vi fartas? 4. La horloĝo bone funkcias (montras ĝuste). 5. La horloĝo fruiĝas. 6. Tio devas ĉesi. 7. La vento blovas. (Ventas.) 8. Tio ne estas (far-)ebla. (Tio ne povas esti aŭ ne estas ekceptebla.) 9. La trajno (vagonaro) ekveturos je la oka. 10. La negoco bone prosperas. 11. Esplori aferon ĝisfunde. (Detale esplori ion.) 12. La laboro komenciĝas. 13. La pordo malfermiĝas. 14. La pasto fermentas (leviĝas, ŝvelas). 15. La burĝono ekfloras. 16. La suno leviĝas. 17. La nodo malligiĝas (disiĝas). 18. Mi ekkomprenas. 19. Li eniĝas en sia laboro. (Li vivas nur por sia laboro.) 20. Li dediĉas sin al sia laboro. (Li laboras.) 21. Li iras en la fabrikon (fabrikejon = Fabriksgebäude). 22. La strato kondukas al Parizo. 23. La ĉevalo forkuregas. 24. La kasisto kaŝe foriris. 25. Tio ĉiam okupas mian cerbon. 26. La propono estas akceptata.

27. La maro ondegas. 28. Tio kortuŝas min. 29. Foriru! 30. Ne ĝenu min! 31. Li promenas. 32. La ĉevalo mortas. 33. La firmo bankrotas. 34. La ŝtofo kuntiriĝas (malvastiĝas). 35. La lumo estingiĝas. 36. Li nenion ricevas. 37. La afero bone finiĝas. 38. Mi senhariĝas. 39. Mi enlitiĝas. 40. Li ĉirkaŭiras la domon aŭ: Li iras ĉirkaŭ la domon. 41. Do, estu prudenta! 42. Ĉio pasos. 43. Li erariris en la fremda urbo. 44. Mi prijuĝas ĉi tiun aferon laŭ alia vidpunkto. 45. Bonvolu antaŭeniri! 46. La lakto bolante transbordiĝas. 47. La suno malleviĝas. 48. La ŝipo subakviĝis. 49. Miajn vortojn superis la bruo. (Miaj vortoj perdiĝis en la bruo.) 50. La vienano majstras ĉiun situacion.

Hans Aitzinger.

## Oftaj gramatikaj eraroj

1. Predikataj finaĵoj a kaj e.

Ofte oni aŭdas esperantistojn diri: „Tio ne estas bone“ aŭ „Ĝi estas al mi tre agrable.“

Tio ne estas ĝusta. Ĝuste oni devas diri: „Tio ne estas bona. Ĝi estas al mi tre agrabla.“

Regulo: a) Al o-vorto (aŭ anstataŭa persona pronomo) apartenas a-vorto.

b) Al ĉia alia vorto, ankaŭ se la subjekto estas propra frazo aŭ se tute mankas subjekto, konformas predikata finaĵo e.

Ekzemploj: a) Tio estas vera. Ĝi estas nova. Tiu estas bona. Tiuj estas bonaj.

b) Paroli estas bone; silenti ofte estas pli bone. Vere bela festo. Vere bele aranĝite. Estas bone, ke vi venis. Estas dezirinde, ke vi rezignu. Ne (estas) vere! Estas al mi tre agrable.

(Sed laŭ a): Parolo estas bona. Via rezigno estas dezirinda.)

| Memorigilo: | Ĉefa frazero: | Dependa vorto: |
|---|---|---|
| | o . . . . . . . . . . . . . | a |
| | a, e, i, u, frazo . . . . . . . . . . | e |

2. „ĵus“ kaj „ĝuste“.

Oni ofte aŭdas erare uzi „ĵus“ anstataŭ „ĝuste“, ekzemple: „Ĵus tion mi volis diri“ anstataŭ „Ĝuste tion mi volis diri“ (gerade das wollte ich sagen).

„Ĵus“ signifas „ĝuste en tiu momento“ aŭ „antaŭ tre mallonga tempo“ (eben, soeben).

Ĝusta ekzemplo: Mi ĵus rigardis la portreton de mia amiko (ĵus mi estis rigardanta aŭ ĵus estis rigardinta), kiam li mem envenis.

3. Po estas — malgraŭ la detalaj klarigoj en la „Lingvaj respondoj" de Zamenhof inter ĉiuj elementoj de la lingvo Esperanto eble la plej malĝuste uzata.

Ne estas ĝuste diri „60 km po horo" aŭ „3 ŝilingoj po kilogramo". La ĝusta uzo de po premisas du multnombrojn, el kiuj unu ne rilatas al la alia kiel tuto, sed al ties unuo. Ekz.: 3 infanoj ricevis po 6 pomojn. (Ne ĉiuj 3 kune ricevis 6, sed ĉiu infano ricevis 6, ili do entute 18 pomojn.)

La ĝusta indiko de prezoj aŭ mezuroj estas: „Tiuj ŝuoj kostas po 25 ŝilingojn" aŭ „po 25 ŝil. por ĉiu paro." La fermastoj pezas po 550 kilogramojn. La trajno veturas po 80 kilometrojn en la horo. (Aŭ: 80 km en ĉiu horo. Jen „po" estas superflua.)

Po ne estas prepozicio, sed adverbo. Ĝi do ne influas la kazon de la sekvanta akuzativo.

Ekz.: Po du infanoj ricevis unu torton. (Nominativo.) La infanoj ricevis po du pirojn. (Akuzativo.)

E. W.

# Austria Esperanto-Instituto

## Regularo

decidita en la kunsidoj je la 19. 9. kaj 10. 10. 1945

Aŭstria Esperanto-Instituto estas fondita en la kadro de Aŭstria Esperantista Federacio ne kiel aparta societo, sed kiel libera laborkomunumo por science prizorgi la lingvon kaj kulture gvidadi la Esperantomovadon en Aŭstrio. Ĝi unuigu la plej bonajn kaj plej aktivajn esperantistojn en akademia forumo super la Esp.-organizaĵoj kaj formu per la aŭtoritato de siaj kunlaborantoj kaj ilia aktiva partopreno en la diversaj branĉoj de la movado lingvan, instruan kaj per tio plej supran konsilantaron de la movado.

La plej gravaj taskoj de AEI estas jenaj:

1. ekzameni kaj laŭe rekomendi novajn Esp.-verkojn (originalaĵojn kaj tradukojn, instrulibrojn kaj vortarojn) laŭ vidpunktoj lingva, arta kaj pedagogia;
2. ekzameni kaj rajtigi kursgvidantojn, kiuj ne disponas pri la ŝtata ekzameno, registri la ŝtate ekzamenitajn Esp.-instruistojn kaj la kursgvidantojn rajtigitajn de AEI;
3. iniciati kaj aranĝi pli altgradajn prelegojn kaj kursojn (sciencajn, artajn, pedagogiajn, preparajn por la ŝtataj ekzamenoj), ellabori kaj rekomendi kurs- kaj instruplanojn;
4. lingve ekzameni kaj laŭprograme subteni ĝeneralajn varbilojn kaj specialajn aplikojn de Esp., eduki referantojn, propagandistojn kaj

oratorojn nacilingvajn kaj esperantajn, interrilati kun aliaj kulturunuiĝoj . . . kaj similaj taskoj.

Strukturo de AEI: AEI konsistas el simplaj membroj, kiuj subtenas ĝiajn celojn per kunlaboro, laborkomitato, kiu plenumadas la supre nomitajn taskojn, kaj administra estraro, nome direktoro, vicdirektoro kaj sekretario.

Membriĝi povas ĉiu lingve perfekta esperantisto, kiu apartenas al iu societo en la kadro de AEF, kaj volas science aŭ pedagogie kunlabori. — Speciale invititaj estas ĉiuj Esp.-instruistoj, kursgvidantoj kaj Esp.-aŭtoroj. La estraro povas aliĝanoncon akcepti aŭ malakcepti.

La laborkomitato konsistas el eminentaj esperantistoj, kiuj por tiu celo anoncis sin kaj estas ĝenerale rekonitaj. Ĝis nun estas jenaj komitatanoj akceptitaj: d-ro Grimme (direktoro), dir. Menacher (vicdirektoro) s-roj Aitzinger, Berdan, Bischof, Cech, dir. Dittrich, s-ino Feichtinger, d-ro Fiala, d-rino Flasch, R. M. Frey, d-ro Führing, s-ro Hovorka, Kraus Hugo, s-roj Sager, Schauhuber, Siedl, prof. d-ro Sirk, Werner, s-ino Ziwutschka kaj s-ro Zodel.

La laborkomitato elektas inter si referantojn por specialaj celoj. — Por la ekzameno kaj rajtigo de kursgvidantoj estas elektita trimembra ekzamenkomisiono, konsistanta el d-rino Flasch, s-ro Hovorka kaj d-ro Sirk. Subsk.: D-ro Grimme.

# Raportoj el la Federaciaj Landoj

**Hohenberg, N.-Ö.** La 13. 9. 1946 fondiĝis en la gastejo Beneditschik la E-societo „Verda lumo". Estro estas nia malnova amiko Jakob Zmrzly. La societo jam nun nombras 20 anojn kaj decidis sian aliĝon al AEF. Inter la enloĝantaro estas sufiĉa intereso por Esperanto kaj en oktobro komenciĝos en la ĉeflernejo kurso, al kiu anoncis sin 30 personoj. — AEF ĝoje akceptas la novan grupon en sia rondo!

**Graz. — Adiaŭo de s-ano George Lyons.** Sabate la 26. X. 1946 kunvenis la esperantistoj de Graz en la kafejo „Mozart" por adiaŭi de nia kara angla s-ano George Lyons, kiu la 29. XI. 1946 devis forlasi Graz-on por definitive revojaĝi Anglujon kaj ŝanĝi la soldatan uniformon per civila vesto. La adiaŭan paroladon faris s-ano d-ro Friedl. Poste montris junaj esp-istoj landajn kostum-dancojn, kiuj trovis multan aplaŭdon. Infano deklamis la poemon „Al la fratoj" kaj knabo la poemon „La vojo". Esperantaj kaj germanaj kantoj, du gajaj teatraĵetoj en Esperanto kaj humoraj deklamoj de d-ro Friedl kaj s-ano Eder kompletigis la varian programon de la vespero, kiun partoprenis 40 personoj. La esp-istoj de Graz kun granda malĝojo prenis adiaŭon de nia angla s-ano kaj amiko Lyons, kiun ĉiuj ŝlosis en sian

koron pro lia afableco, helppreteco kaj bonkoreco. Ni esperas, ke s-ano Lyons ne forgesos la tempon pasigitan en Graz kaj en nia bela Aŭstrio. Ke nia kara fora s-ano fartu bone kaj ke feliĉa sorto gvidu lin tra la tuta estonta vivo, tio estu nia lasta elkora deziro por li.

La E-grupo Graz.

**Edziĝo.** Nia agema s-ano Anton Podrepschek en Graz edziĝis la 27. 7. 1946 kun f-ino Adelheid Svoboda, kiu donacis al li la 7. 9. 1946 sanan filineton. — AEF nome de la tuta anaro kore gratulas.

**Klagenfurt, Kärnten.** E-grupo „Paco" nun nombras jam pli ol 40 membrojn. Varbado daŭre estas farata kaj ankaŭ la laboro en la grupo pli vigliĝas. La grupo nuntempe kunvenas ĉiumarde en la gastejo Roth, Pfarrhofgasse.

**Tirol.** Aŭtune kaj vintre okazos novaj E-kursoj en Unterinntal en jenaj lokoj: Kufstein, Kirchbichl, Wörgl, Hopfgarten, Kirchberg, Kitzbühel, St. Johann i. T., Fieberbrunn, Rattenberg, Jenbach, Schwaz kaj Häring. — AEF dankas al s-ano Hans Steiner pro lia modela agado kaj liajn kunlaboratojn. Tiamaniere Tirol ne postrestas la aliajn, ĝi kredeble eĉ superas ilin. Gratulon!

**Innsbruck.** Sub la gvidado de s-ano d-ro Karner okazas en Innsbruck kaj ĉirkaŭaĵo vigla propagando kaj estasespereble, ke la intereso por Esperanto en Innsbruck kreskos, kvankam nuntempe la angla lingvo estas moderna. Kursoj okazos laŭeble en Innsbruck, Hall kaj Igls, eble ankaŭ en Telfs, Seefeld, Wattens kaj Landeck (Imst).

**Kufstein, Tirol.** La 22. 8. 1946 estis la unua kunveno de la nova grupo „E-klubo Kufstein" en la ĉarma klubejo de hotelo Auracher. Gastoj ĉeestis el Wörgl kaj Kundl kaj s-ro Wranka el Osijek (Jugoslavio). Klubestro d-ro Huber malfermis la kunvenon per Esperanta parolado kaj bonvenigis ĉiujn alestantojn. Li trovis multan aplaŭdon. La klubo decidis aliĝon al AEF. Poste parolis landestro de AEF en Tirol, s-ano Hans Steiner, esprimante sian ĝojon pri la bona laboro de la klubanoj kaj pri la intereso al Esperanto en Kufstein.

Inter alie oni decidis aranĝi versperon, al kiu estu invitotaj la aŭtoritatoj kaj fakaj instruistoj de Kufstein por klarigi al ili la valoron de Esperanto. La unua klubvespero do sukcese pasis. Ni diligente varbas por nova kurso. Ni eĉ esperas povi aranĝi specialan kurson por la s-roj profesoroj kaj instruistoj. — AEF gratulas al la klubestro d-ro Huber pro lia bonega agado. Imitinda por aliaj grupoj speciale estas la intencita kurso por lernejaj instruistoj.

**Salzburg.** E-societo „Verda stelo" faras vastan propagandon por Esperanto, sed tre malhelpas nian agadon la grava manko de lernolibroj. Multaj homoj iras de unu librejo al alia aŭ demandas al la

societo por havigi al si tian lernlibron. La centro kaj nia eldonejo „Tramondo" zorgu pri plej baldaŭa eldonado de instrulibroj kaj ŝlosiloj. Interne la grupo laboras por laŭeble la anojn perfektigi en la lingvo.

**Regiona renkontiĝo esperantista en Salzkammergut.** Por plifirmigi la reciprokan kontakton, gesamideanoj el Vöcklabruck, Gmunden kaj Ebensee dimanĉe la 26. 8. 1946 kunvenis por fari komunan, malgrandan ekskurson per la kabloŝvebfervojo supren al monto „Feuerkogel". Partoprenis ankaŭ s-ano d-ro Sirk kaj edzino el Vieno, kiuj pasigis kelkajn feriajn tagojn en la bela traŭnlaga urbo Gmunden. Kaj la entrepreneto fariĝis plena sukceso. Bela, suna vetero permesis ĝui senreste la belan pejzaĝon. En harmonia akordo kaj samideana amikeco la diversaj grupanoj pasigis belajn, amuzajn horojn plifortiginte la ligilon, kiu nin kunigas en la laborado por komuna celo.

M. Heissl.

**Vizito en Horn.** Ges-anoj Loibel sekvis la inviton de ges-anoj Bartosch, veni al la nova kurso komenciĝanta la 14an de Oktobro en la fotografejo de la invitantoj. Ĉeestis 22 personoj kiuj vigle laboras por nia ideo.

S-ano Ullreich gvidas la kurson por progresantoj, s-ano Schneider tiun por komencintoj.

Menciinde estas, ke la grupo vere laŭdinde propagandas kaj ankaŭ uzas novan metodon instrui la komencantojn. Per fotokopio ili multobligis la lecionojn kaj ĉiu el la komencantoj ricevis ekzempleron. La instruiloj estas bele ilustritaj de s-ano Schneider.

Post la fino de la leciono s-ano Loibel en mallonga parolado gratulis al la grupanoj kaj menciis, ke Esperanton ni ne nur uzu por kolekti poŝtmarkojn kaj vojaĝi eksterlanden, sed ĉefe por interrilati per ĝi kun eksterlandaj amikoj, por atingi nian idealon, la esperantismon.

Belaj aŭtunaj tagoj en bela regiono. Ĉu vi konas Horn en Malsupra Aŭstrio? Ĝi estas unu el la urbetoj kiuj troviĝas en la „Arbara regiono". Malgranda, sed bela eĉ en la nuna postmilita tempo. La ĉirkaŭaĵo estas precipe nun dum la aŭtuno belega. La arbaro estas diverskolora, de la plej hela flaveco de la betuloj ĝis la malhelverdo de la pinoj ĉiuj koloroj estas videblaj.

Ne estas plu varmegaj somertagoj kaj des pli volonte ni migras en la arbaro, tra vilaĝoj, en kiuj amasoj da kortbirdaro troviĝas kaj eĉ sur inter rokoj kondukantaj promenadoj laŭlonge de riveretoj. Neniun homon ni renkontas. Trankvilo, trankvilego. La foliaro, unu folio post la alia falas de la arboj kaj baldaŭ, ĉar en la mateno ja ĉio

estas prujnkovrita, ili estos tute senfoliaj. Venos la vintro kaj la naturo ŝajne estos mortinta. Sed nur ŝajne, ĉar venos ja ree printempo kaj ĉio eldormiĝos kaj ekkreskos kaj ekfloros. La arboj verdiĝos, la birdaro ree kantos kaj la kampulo per sia malfacila laboro havigos al ni, pro la pasintaj malabundaj jaroj malsatiĝintaj manĝegemaj homoj, manĝaĵon kaj per tio ankaŭ ni esperantistoj ja nur estos kapablaj kun sufiĉa forto batali por la popolinterliganta Esperanto. Kaj tiam ni migros ne nur en la malvastaj regionoj de nia patrujo, tiam ni ne nur interrilatos kun bonaj amikoj en la bela regiono de Horn aŭ alia urbeto de Aŭstrio, tiam ni ĉiuj aŭstriaj esperantistoj kune migros al niaj bonaj amikoj en la eksterlando kaj ni pruvos, ke ne estas necese ĉiam interbatali kun la najbaraj popoloj alialingvaj, sed estas necese jam en la infanaĝo eduki la homojn al interpaciĝo per Esperanto.



Ne neante la gravecon de pure lingvaj demandoj, ni gardu nin doni al ili troan atenton — la popolo esperantista ne okupu sin pri lingvistikaj subtilaĵoj, fidele parolu la Zamenhofan lingvon kaj dediĉu sian tutan fervoron, ĉiujn siajn fortojn al la interna ideo de l'Esperantismo, por ke pro la rimedo ne estu forgesata la celo — ĉiupopola solidareco kaj tutmonda paco.

Edmond Privat.

# INTERNACIA ESPERANTO-MOVADO

## 32-a Universala Kongreso de Esperanto

Bern, Svislando, de 26-a julio—2-a aŭgusto 1947

Adreso: Universala Kongreso de Esperanto, Bern, Bundesgasse 20, Svislando

| | ĝis 31. XII. 1946 | 31. III. 1947 | Poste |
|---|---|---|---|
| | en svisaj frankoj | | |
| 1. Kongres-kotizo . . . . . . . . . . | 25.— | 30.— | 35.— |
| 2. Por la edzo aŭ edzino de Kongresano | 12.— | 15.— | 20.— |
| 3. Por gejunuloj ne pli ol 20 jaroj . . . | 10.— | 12.— | 15.— |

En Aŭstrio la kongreskotizon oni povas enpagi ĉe:
Kreditanstalt-Bankverein, Wien I., Schottengasse 6 kaj
Länderbank Wien AG., Wien I., Am Hof 2.

Rimarkigo: Certe multaj aŭstraj ges-anoj havas la deziron viziti la unuan postmilitan U. K. Ĉu tio estos efektivigebla, dependos de tio, ĉu ĝis tiam Aŭstrio jam estos vere libera lando kaj la aŭstrianoj rajtos vojaĝi ankaŭ eksterlanden. Provizore la situacio estas tia, ke eĉ aŭstriaj aŭtoritatuloj nur post venko de multaj malfacilaĵoj ricevas sporade de la kompetenta alianca instanco la permeson vojaĝi en alian landon.

Ĉiuokaze AEF kolektos la adresojn de ĉiuj partoprenemuloj kaj donos al ili kontraŭ reafranko ĉiujn necesajn informojn, kiujn ĝi ricevos de la LKK en Bern kaj pri tio, ĉu partopreno de aŭstria karavano al U. K. estos realigebla, pri monkurzo ktp. Petu aliĝilojn por la U. K. de la sekretariejo de AEF, Wien I., Neutorg. 9, sed provizore ankoraŭ ne enpagu monon, ĝis klariĝis la cirkonstancoj. Tamen vi jam nun povas komenci ŝpari monon por eventuala partopreno al la Universala Kongreso.

**Internacia Esperanto-Ligo (IEL)**

Ĉefdelegito por Aŭstrio estas s-ano Hans Zeller, Steyr, O.-Ö., Schlüsselhofgasse 25. Kotizoj: MJ ŝil. 8.—, MA ŝil. 14.—. Bonvolu pagi per poŝtmandato.

**Universala Esperanto-Asocio (UEA)**

Ĉefdelegito por Aŭstrio estas s-ano Raimund Cech, Wien VII., Lindengasse 8/11, kiu kontraŭ reafranko volonte donas ĉiujn informojn.

**Sennacieca Asocio Tutmonda (SAT)**

Ĉis nun ne estas konate, kiu en Aŭstrio oficiale funkcias kiel ĉefdelegito. Ankaŭ SAT denove ekprenis la agadon·kaj aperas ĝia organo Sennaciulo. Adreso: 67 avenue Gambetta, Paris 20, Francio.

**Argentino.** En Cordoba okazis la 3a jarkunveno de Argentina E-Ligo en aprilo ĉj. La sekvonta estos en Buenos Aires paske 1947.

**Britio.** La 31a Brita E-Kongreso okazis de 7.—10. 6. 1946 en Bristol. Multaj geesp-istoj ne povis partopreni pro manko de loĝejoj en tiu de bomboj tre detruita urbo. Tamen ĉeestis 400 ges-anoj. Pro la ĉeesto de geesp-istoj el aliaj landoj, la kongreso havis vere internacian karakteron. Inter alie estis prezentata la teatraĵo Sonĝo de Somermeza Nokto de Shakespeare. Okazis diversaj fakkunsidoj kaj prelegoj. — La 41a Skota E-Kongreso okazis de 24.—27. 5. 1946 en Leven, Five. Inter la delegitoj ankaŭ partoprenis du polaj esp-istoj. La urbestro kaj magistrato bonvenigis la kongresanojn okaze de oficiala akcepto.

**Bulgario.** En Sofia estis organizataj kursoj por E-kursgvidantoj kaj por preparo de tradukistoj. — Okaze de la subskriboj-kolektado de IEL por UNO estis distribuataj 100.000 deklaracioj. — La 29a Bulgara E-kongreso okazis de 24.—26. 8. 1946 en Assenovgrad.

**Belgio.** La 11a Kongreso de Flandra Ligo Esperantista okazis pentekoste en Brugge. — Libera Radio-Tribuno faris enketon pri la demando: „Kion vi opinias pri la neceso de lingvo internacia?" La rezultoj: Favore 87.5%, kontraŭ 12.5%. Por Esperanto 51.25%, sen prefero 27.50%, por Angla 6.87%, por Latina 1.25%, por Franca 0.62%. (Flandra Esperantisto.) — Bela broŝuro ilustrita pri la urbo Brugge senpage estas havebla. Skribu al Oficiala Servo por Turismo, Kakke-Markt, Brugge, Belgio.

**Ĉeĥoslovakio.** Lektorato pri Esperanto en la Teknika altlernejo en Praha estis la 28. 5. 1946 renovigita laŭ decido de dekano de la Fakultato por specialaj sciencoj. Lektoro Ph. d-ro A. Pitlik prelegos en vintra semestro 1946/47 du horojn semajne. — Akademia Esperanto-Klubo estis fondita en januaro 1946. Informojn donas sano J. Hanuš, Praha XII., Kolinská 9. — Polica E-rondo denove komencis sian agadon. Adreso: V. Zámostný, Praha XI., Palackého tř. 26. — Ekzamena komisiono de E.-Asocio en ČSR. por Esperanto estis starigata. — En Slovakio la intereso pri Esperanto kreskas. La centro de la slovaka E-movado estas en Bratislava, Štefánikstrato 6 c. — Esperanto oficiale estis enkondukata en slovakaj komercaj lernejoj kiel laŭvola fako. En la Komerca akademio en Trenčin eștiĝis kvar studrondoj po 25 studentoj kaj en Komerca akademio en Bratislava lernas 30 studentoj Esperanton. (Esperantista, organo de EAČSR.)

**Francio.** La 9-an de aŭgusto 1947 okazos 70 kilometrojn de Paris skolta ĵamboreo. La prepara komitato de la ĵamboreo akceptis Esperanton por la traktadoj. Do skoltoj eklernu Esperanton!

**Hungario.** En la Parlamento okazis la 3. 6. 1946 grava kunveno pri la enkonduko de E. en lernejojn. La kunsido estis aranĝata de la Sindikato de Pedagogoj kaj la grupo de Esperanto-Amikoj de Parlamentanoj. Oni decidis proponi, ke E. estu enkondukata kiel deviga temo en la lernejoj. — La Hungara E-Societo okazigis la 26. 5. 1946 sian jarkunvenon en ejo de Parlamento.

**Japanio.** La E-movado denove vigle antaŭenpaŝas. En decembro 1945 okazis la 32a Landa Kongreso en Tokio. En la universitatoj okazas en multaj kolegioj E-kursoj. — La Socidemokrata Partio en Japanio akceptis paragrafon pri Esperanto en sian programon. En la fondkunveno de la partio s-ro Ono-Syuniti, centra komitatano, menciis, ke la partio volas uzi Esperanton por la kontakto kun la popoloj de la mondo.

**Nederlando.** La 7. 9. 1946 okazis Landa E-Kongreso en Utrecht. Ĝi estis manifestacio de la vigla E-movado. Paske okazis la Kongreso de L. E. E. N. en Amsterdam.

**Polio.** La Pollanda E-Kongreso okazis de 9.—10. 6. 1946 en Lódź. Partoprenis la rektoro de la universitato de Lódź, s-ro prof. Kotarbinska kaj pluraj eminentuloj.

**Portugalio.** Dormis depost kelkaj jaroj la E-movado, sed nun ĝi denove vigliĝis. Junuloj denove interesiĝis pri Esperanto, lernis la lingvon kaj organizis perleteran kurson. En decembro 1945 okazis Zamenhofa festo. En februaro ĉj. komenciĝis en Barreiro elementa E-kurso, kiun partoprenis cent personoj. La agado nun estas daŭrigata.

**Rumanio.** Ankaŭ en Rumanio la E-movado progresas pro la aktiveco de la Rumana Esperanto-Societo en Bukureŝti, Casuta Postala 9. Ĝi petas la redakciojn de ĉiuj E-gazetoj sendi al ĝi ekzempleron.

**Svisio.** De 26. 5.—2. 6. 1946 okazis la Landa Kongreso en St. Gallen. S-ro Andreo Cseh gvidis daŭrigan kurson kaj faris interesajn prelegojn. 7 kandiditoj faris E-ekzamenon. Oni diskutis lá okazigon de la Universala E-Kongreso 1947 en Svislando.

**Katolika-E-movado.** Internacia Katolika Unuiĝo de Esperantistoj (IKUE) tuj post la milito komencis sian agadon por revigligi la Katolikan E-movadon en Eŭropo. La estraro reorganizis ĉiujn servojn. „Espero Katolika", la monata revuo de IKUE reaperas. Informojn donas: L. G. C. de Jong, Roelofarendsveen, Nederlando.

**Sovetio.** En Sovet-Unio funkcias la Soveta Esperanto-Unuiĝo. Prezidanto estas kapitano Nekrasov. Adreso (laŭ „Aŭroro" jan-fab. 46): Soveta Esperanto-Unuiĝo, Moskvo, Spiridinovka 15. Pluaj detaloj mankas.

**Saluto el Danlando**

Ekstrakto el letero de Dana E-Ligo al AEF:

„Ĝojigas nin, ke la aŭstra movado denove estas organizita kaj ni deziras al ĝi bonan prosperon kaj sukceson. En la espereble pli granda internacia agado, kiu estiĝos estonte, ni esperas pri bona kunlaboro.

Tuj post la liberigo ni grandskale laboregis kaj unu el la rezultoj estas la disaŭdigo per la dana Radio en Esperanto la 22an de aŭgusto pri „Danujo 1946". Ĝi estis aŭdata en multaj landoj kaj ni esperas, ke sekvos ankoraŭ aliaj elsendoj.

Niaj someraj kursoj, kiuj dum la milito kompreneble ne havis partoprenon de eksterlandanoj, nun denove estas internaciaj, lastsomere ili estis vizitataj de kursanoj el 7 nacioj. Ni esperas baldaŭ povi bonvenigi s-anojn ankaŭ el Aŭstrio, ĉu ĉe someraj kursoj, ĉu aliokaze. Ili estu kore bonvenaj."

# Ni notas

**„Esperanto Internacia"** — Organo de IEL, en n-ro 7, 1946, publikigas artikolon: Unu grandan rondon familian . . .?, el kiu ni ekstraktas la sekvantajn alineojn, ĉar ili pravigas la supertendencecon, kiu estas la organiza gvidpenso de AEF:

La ofta aserto, ke IEL estas neŭtrala, ne multe helpas. Necesas difini neŭtralecon, ĉar troviĝas du specoj de neŭtraleco; la neŭtraleco, kiu difinas, ke oni havu nenian rilaton kun kia ajn tendenco, movado, kredo aŭ opinio; kaj la neŭtraleco, en kiu povas sin manifesti ĉiuj tendencoj, opinioj kaj kredoj, kondiĉe nur, ke regu absoluta egaleco kaj senpartieco, kaj ke manku perforto kaj trudemo, kiu povus ofendi.

En la praktiko la unua speco montriĝas absurda, kaj tian movadon distingus nur vaneco kaj senpoveco. Tio estus senkerna ŝelo, rapidmortema kaj sen la volo vivi.

Sed la movado kies neŭtraleco estas karakterizata per toleremo kaj grandanimeco, kaj kies anoj scias ĝuste taksi kaj reciproke respekti la vidpunktojn unuj de la aliaj, tio estas organizaĵo jam preter la nigraj malindaj suspektoj, antaŭjuĝoj kaj ĵaluzoj, kiuj dismordas kaj venenas la rilatojn inter la homoj.

„Esperantista“ — organo de la E-movado en ČSR., aperigas ekstraktojn el la antaŭaj Informiloj de AEF en n-ro 5—6, aŭg. 1946, mencias inter alie la subvencion al AEF flanke de Viena Laborista Ĉambro kaj Kultura Oficejo de urbo Vieno kaj aldonas jenajn liniojn: Wien estas tre detruita, tamen la publikjuraj instancoj de la urbo aperigas multe pli da praktika helpemo al kultura celado ol la instancoj en Praha.

**Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj**

S-ro P. Korte, Nederlando, skribis pri tiu organizo, ke ankoraŭ ĝi ne ne povas reviviĝi. Sed li proponas, ke oni provizore provu: 1. instigi al geinstruistoj formi landajn grupojn, 2. per korespondado diskuti kun diverslandaj gekolegoj pri internacia geinstruista organizo kaj 3. se eble restarigi internacian kontaktilon (Int. Pedagogia Revuo). Volonte s-ro Korte volas provizore esti la centra punkto. Adreso: Schoolstraat 13, Veendam, Nederlando. (El „Esperantista“.)

**Voĉoj pri la Aŭstria Esperanto-Revuo**

**Flandra Esperanto-Instituto**, Brüssel: „Nian gratulon al AEF pro Aŭstria Esperanto-Revuo!

**E-grupo „Verda stelo“**, Steyr, O. Ö.: „Rilate la aspekton de la Revuo oni vere povas gratuli al AEF. Por la nunaj cirkonstancoj la gazeto ne nur estas kontentiga, eĉ luksa. Entute oni povas diri, per nia Revuo Aŭstrio certe marŝas kun aliaj organoj ĉe la pinto de la E-movado“.

**E-grupo „Paco“**, Klagenfurt: „La novan Revuon ni ĝoje disdonis al niaj anoj kaj ĝi bonege plaĉis al ĉiuj“.

**D-ro Lutz Kaspar**, Pürgg: „La Revuo meritas multan laŭdon kaj certe ĉiu esp-isto konsentas min. Ni povas esti fieraj pri tiu ĉi riĉenhava kaj bela Revuo“.

**Franz Acs**, Pfarrwerfen: „Kun granda ĝojo mi ricevis la unuan n-ron de la nova Revuo, kiu treege plaĉis al mi“.

**Inĝ. Viktor Hopf**, Wien: „Estas diversaj preseraroj en la Revuo. La komunikoj sur la paĝoj 11 — 13 estas malgravaj, anstataŭ ili oni estus devinta publikigi la liston de la AEF-estraro kaj de diversaj organizaj instalaĵoj. Al la redakcia komitato mankas psikologia sagaco“.

**D-ro Adolf Halbedl**, Knittelfeld: „Antaŭhieraŭ ricevinte la unuan n-ron de la REVUO mi gratulas vin pro ĝia plaĉa aspekto kaj laŭcirkonstance riĉa enhavo“.

**Noto de la redakcio:** Ni povas citi nur ekstrakte kelkajn juĝojn pri la Revuo el multaj kaj ni ĝojas, ke preskaŭ ĉiuj ĝenerale estas kontentaj pri ĝi. La preserarojn ni mem bedaŭras, sed la kompostisto ne komprenas Esperanton kaj malgraŭ la korektado de la presprovoj estiĝas novaj. Bedaŭrinde mankas al la presejo ankaŭ litertipoj kun Esperantosignoj kaj provizore tiaj ne estas havigeblaj. Unuvorte, diversaj postmilitaj cirkonstancoj malfaciligas ankoraŭ perfektan eldonadon de Esperanto-presaĵoj. Bonvolu tiukaŭze senkulpigi nin.

---

Esperantismo bezonas antaŭ ĉio modestajn laborantojn; la kriti kantojn kaj disputemulojn ĝi volonte fordonacos.

Hector Hodler.

---

### Heroldo de Esperanto

aperas denove, provizore duonmonate. Ĝis nun aperis 8 numeroj Vi povas aboni ĝin per la Esp.-eldonejo „Tramondo", Wien I., Neutorgasse 9. Abonprezo por la nuna jaro (1946) 10 ŝ, por la abonjaro 1947 (ĝis la 30a de Sept.) 20.— ŝ.

### Instruistoj! Atentu!

La franca progesema eduk-movado „Presarto en lernejo" havas Korespond-Servon kiu celas praktikigi Esperanton al infanoj eĉ se ili ankoraŭ ne konas la lingvon. Ĝi planis simplan metodon kiu postulas malmulte da peno. El via kunlaborado povas rezulti multe por nia lingvo. Petu informojn al: Lentaigne, Balaruc-les-Bains (Hérault), Francujo.

### AL NIAJ LEGANTOJ!

Pro la paperkrizo ni provizore ne povas ricevi la necesan paperkvanton kaj pro la malfacilaĵoj en la presejo sekve de ne sufiĉa elektra fluo la laboroj ofte devas esti interrompataj. Tial ni estas devigataj eldoni la REVUON en duoblaj numeroj. Espereble ĉi tiu ekonomia krizo baldaŭ forpasos kaj poste la Revuo povos regule aperadi.

La redakcio.

# Verbandsmitteilungen

**Staatliche Prüfungskommission für Esperanto.**

Die vor 1938 bestandene staatliche Prüfungskommission für Esperanto, welche wie so viele andere österreichische Kultureinrichtungen vom Nazi-Faschismus beseitigt wurde, ist vom Bundesministerium für Unterricht wieder eingesetzt worden. Damit ist nun allen Lehrern die Möglichkeit gegeben, die staatliche Lehrbefähigung für Esperanto zu erwerben. Ebenso kann jeder Esperantist ein staatliches Prüfungszeugnis über die Kenntnis der Sprache erlangen.

Wir danken aufrichtig dem Herrn Bundesminister Dr. Felix Hurdes im Namen der österreichischen Esperantobewegung für diese wichtige, derzeit (unseres Wissens) einzig in der Welt bestehende staatliche Einrichtung für Esperanto, welche der Welt einen neuen Beweis österreichischen Kulturstrebens bietet.

Ebenso verdient unsere besondere Anerkennung der Vizepräsident der AEF, Herr Schulinspektor Dr. Maximilian Führing, dessen rastlosem Bemühen das Zustandekommen der staatlichen Prüfungskommission zu danken ist.

Über den Termin von staatlichen Prüfungen erfolgen besondere Verlautbarungen. Die erste dieser Verlautbarungen ist nachstehend abgedruckt:

**Prüfungen für das Lehramt und den Nachweis der Kenntnis des Esperanto.**

Diese Prüfungen beginnen am 16. Dezember 1946 um 8 Uhr früh mit der schriftlichen Prüfung im Gebäude der Bundeslehrerbildungsanstalt in Wien, I., Hegelgasse 12, und werden an den folgenden Tagen fortgesetzt. Die Zeit der praktischen und mündlichen Prüfung wird den Prüfungswerbern einzeln bekanntgegeben. Die nach § 4 der Prüfungsvorschrift belegten Gesuche um Zulassung zu den Prüfungen sind bis längstens 20. November 1946 bei der Direktion der Prüfungskommission in Wien I., Minoritenplatz 5 (Bundesministerium für Unterricht), Zimmer 72, einzubringen. Die Prüfungsgebühr von 20 S, bzw. 10 S, ist vor Beginn der schriftlichen Prüfung im Prüfungsraume zu erlegen.

Ein Verzeichnis der zur Vorbereitung für die Prüfung empfohlenen Werke samt der Prüfungsvorschrift und genauer Angabe der Prüfungsanforderungen ist vom Österreichischen Bundesverlage in Wien I., Schwarzenbergstraße 5, zu beziehen.

Nun liegt es an den Esperantisten, durch fleißiges Studium der Sprache und Ablegen der staatlichen Prüfung die Notwendigkeit der Existenz einer staatlichen Prüfungskommission zu beweisen.

**Abschrift:**

Bundesministerium für Unterricht
Zl. 5038 — IV/7/1946
Wien, den 28. August 1946.

An Herrn Sonderschulinspektor
Dr. Maximilian Führing,
Wien, I.

Ich setze für die Studienjahre 1946/47, 1947/48 und 1948/49 eine Prüfungskommission für das Lehramt der Welthilfssprache Esperanto an öffentlichen mittleren Lehranstalten und für den Nachweis der Kenntnis des Esperanto mit dem Amtssitze in Wien ein, deren Wirkungskreis in der mitfolgenden Prüfungsvorschrift umschrieben ist.

Gleichzeitig ernenne ich Sie für die Funktionsdauer, das ist bis zum Ende des Studienjahres 1948/49, zum

Direktor

dieser Prüfungskommission und zu deren Mitgliedern Professor Dr.

Brunhilde Flasch, Lehrerin am Bundesgymnasium für Mädchen in Wien XIX., wohnhaft in Wien XVIII., Gentzgasse 9; Paul Glücksmann, Leiter der Knaben-Mädchen-Hauptschule in Wien I., Renngasse 20, wohnhaft in Wien XV., Holochergasse 55; Nikolaus Hovorka, Chefredakteur, wohnhaft in Wien IX., Löblichgasse 3; Dr. Hugo Sirk, Universitäts-Professor an der Universität in Wien, wohnhaft in Wien III., Baumgasse 26 und Hans Spitzer, provisorischer Bezirksschulinspektor, wohnhaft in Wien XVII., Pointengasse 7.

Hievon werden Sie mit dem Ersuchen in Kenntnis gesetzt, die Mitglieder von dieser Verfügung zu verständigen.

Die Prüfungskommission hat sich in allen von ihr ausgehenden Ausfertigungen als „Staatliche Prüfungskommission für das Lehramt der Welthilfssprache Esperanto an öffentlichen und mittleren Lehranstalten" zu bezeichnen.

Lehrplan und Prüfungsvorschrift für die Welthilfsprache Esperanto werden demnächst im Verordnungsblatte des Bundesministeriums für Unterricht veröffentlicht.

Der Bundesminister: Hurdes.

**AEF gratuliert herzlichst** seinem Vizepräsidenten, Herrn Dr. Maximilian Führing, Direktor der staatlichen Prüfungskommission für Esperanto, zu seiner Ernennung zum Sektionsrat im Unterrichtministerium.

**Lehrbücher, Werbematerial.**

So sehr wir die Ungeduld unserer Gruppen und Kursleiter wegen endlicher Neuausgabe von Lehrbüchern und Bereitstellung von Werbematerial (Plakate) begreifen, so liegt es leider nicht in der Macht des Verbandvorstandes, die notwendige Papierzuteilung ohne weiteres zu erreichen. Wir haben in dieser Beziehung mit großen Schwierigkeiten zu kämpfen. Es dürfte allgemein bekannt sein, daß selbst die Tagespresse wegen Papiermangels vor der Gefahr der Einstellung stand. Wann sich dieser beklagenswerte und unsere Bewegung äußerst hemmende Zustand bessern wird, wird sich die Zentrale im Rahmen der finanziellen Möglichkeiten bemühen, alles nachzuholen. Wir bitten um Geduld und Verständnis, da das neuerliche Eintreten derartiger Erschwerungen nicht vorausgesehen werden konnte.

**Liederbücher und Noten**

Zur Belebung der Gruppenabende werden Textbücher und Noten von Liedern in Esperanto verlangt. Leider stehen derzeit solche noch nicht zur Verfügung. Auch aus dem Auslande kann derzeit wegen Zahlungsschwierigkeiten (Devisen, Umrechnungskurs) keine Esperantoliteratur bezogen werden.

**Aŭstria Esperanto-Revuo**

Wegen der ständigen Schwierigkeiten in der Papierzuteilung können wir derzeit ein regelmäßiges monatliches Erscheinen der Revuo leider nicht garantieren. Auch entstehen Verspätungen in der Drucklegung, da infolge von Stromabschaltungen die Druckmaschinen fallweise stillgelegt werden. Wir bitten daher um Entschuldigung, wenn wegen dieser Ursachen Berichte bei Erscheinen des Organes mitunter etwas überholt sind.

**Verbandsstatuten**

Es wurden die alten Verbandsstatuten der AEF, die behördlich neuerdings genehmigt wurden, gedruckt herausgegeben und den Gruppen und Verbandsfunktionären zugesendet. Bei Nichterhalt können die Statuten vom Sekretariat angefordert werden. Für die nächstjährige Verbands-Hauptversammlung können die Gruppen eventuelle Abänderungsanträge ausarbeiten und an die Zentrale einsenden.

**Fachgruppe der Esperantolehrer**

Im Rahmen der AEF wurde eine Fachgruppe der Esperantolehrer gegründet und ein vorbereitendes Ko-

mitee mit den Arbeiten bis zur Gründungsversammlung betraut. Der Fachgruppe wird die wichtige Aufgabe zufallen, in den Kreisen der Berufslehrer aller Grade für Esperanto zu werben und für die Heranbildung von Esperantolehrern für die Schulen und Kurse zu sorgen.

Alle Lehrer - Esperantist (inn) en, auch Anfänger, aus allen Bundesländern werden dringend gebeten, ihre Anschrift umgehend der Fachgruppe der Esperantolehrer, Wien I., Neutorgasse 9, bekanntzugeben.

Bei der Anmeldung wolle gleich mitgeteilt werden: ob Anfänger, ob Esperanto perfekt beherrscht wird, ob bereits (früher) eine staatliche Prüfung in Esperanto abgelegt wurde und ob der (die) Meldende bereits in einer Schule oder Gruppe Esperanto unterrichtet.

Weitere Informationen folgen dann mittels Zirkular oder in der Revuo.

### Mitteilungen der Redaktion.

In letzter Zeit sind verschiedene Manuskripte zur Veröffentlichung eingesendet worden. Leider ist der Raum der Revuo zu beengt, um alles unterbringen zu können; manches ist für eine Veröffentlichung nicht geeignet oder nicht aktuell. Die Einsender mögen daher die Geduld nicht verlieren, wenn ihre Manuskripte eventuell erst später erscheinen. Allen aber danken wir für ihre freundliche Mitarbeit und bitten sie, in ihrem Eifer nicht zu erlahmen.

Gleichzeitig wiederholen wir die Bitte, Manuskripte (Berichte) nur einseitig zu schreiben, womöglich mittels Maschine. Für Korrekturen ist ein Linienzwischenraum und linksseitig ein ca. 4 cm breiter Rand frei zu lassen.

### Esperantotag in Oberpullendorf

Die kleine, aber rührige Esperantistengruppe in Oberpullendorf (Burgenland) veranstaltete am 22. IX. 1946 einen Esperantotag, verbunden mit einem kleinen Volksfest, und lud hiezu auch die Wiener ein.

Natürlich wollten die Wiener Esperantisten gerne ihre burgenländischen Freunde besuchen und 80 meldeten sich zur Teilnahme. Leider konnte wegen Benzinmangels anstatt drei nur ein Auto fahren; trotzdem kamen noch 50 Wiener zum Esperantotag. Außerdem waren unser Freund Podrepschek aus Graz mit Bruder und zwei St. Pöltner Esperantisten anwesend. Der umsichtige Gruppenobmann s-ano Rainer mit seinen Mitarbeitern empfing die Gäste und führte sie zu dem mit einer Esperantofahne geschmückten Gasthaus.

Bei der Gründungsversammlung des Burgenländischen Esperanto-Bundes sprachen auch der Vizepräsident der AEF, Dr. L. Grimme und der Proponent der Gesellschaft der Esperantofreunde Hofrat Hugo Steiner, und beglückwünschten die Oberpullendorfer zu ihrer gelungenen Veranstaltung. Ein Knabe brachte das Gedicht „Ho mia kor“ schön zum Vortrag.

Das Fest wies einige hundert Teilnehmer auf, welche sich am Tanzen, an der Tombola und anderen Zerstreuungen erfreuten. Alle trugen als Eintrittskarte einen grünen Esperantostern und wurden auf diese originelle Art auf das Abzeichen der Esperantisten aufmerksam gemacht. Es herrschte unter allen ein sehr intimer Ton und ein Teil der Besucher konnte bei Freunden in Oberpullendorf übernachten. Zu kurz war die Zeit des Beisammenseins und der Abschiedsgruß „Auf Wiedersehen!“ soll bei einer anderen Gelegenheit in Erfüllung gehen. Jedenfalls haben unsere burgenländischen Freunde gezeigt, daß sie das Ernste mit dem Heiteren zu verbinden wissen und es sei ihnen für die weitere Werbung für Esperanto der beste Erfolg gewünscht. Erwähnenswert ist, daß die Arbeiten der Gruppe für Esperanto auch von der Bezirkshauptmannschaft unterstützt werden.

### Die Presse und Esperanto

AKADEMISCHE RUNDSCHAU, Organ der öst. Hochschülerschaft, veröffentlicht in Nummer 3, 12. X. 1946, einen ausführlichen Artikel über Esperanto von Prof. Dr. Ernst J. Görlich als Entgegnung auf einen vorher erschienenen ablehnenden Artikel: „Hat Esperanto eine Zukunft?"

WELT AM MONTAG, Wiener Montag-Zeitung, brachte in ihrer Nummer vom 22. X. 1946 den Artikel: „Gerettet durch Esperanto" aus der „Svisa Espero" (siehe auch AER Nr. 2/3, Seite 39).

KLOSTERNEUBURGER NACHRICHTEN veröffentlichen in der Nummer vom 19. X. 1946 einen langen Artikel von R. Karas: „Esperanto auf dem Marsche".

Wir bitten die Leser, alle Artikel und sonstigen Nachrichten, welche in der öst. Presse über (für oder gegen) Esperanto erscheinen, sofort an das Sekretariat der AEF einzusenden. Es genügt, die betreffende Zeitungsseite, auf welcher der Name der Zeitung und das Datum zu lesen ist, in einem Kuvert als „Drucksache" zu senden.

### Radio und Esperanto

RADIO WIEN sendet nun den Esperanto-Kurs an **jedem Mittwoch** von 6.35 bis 6.45 morgens und bringt 5 Minuten Informationen in Esperanto an jedem Sonntag um 18.40.

RADIO „ROT-WEISS-ROT" (Salzburg) nahm in das Programm vom 12. X. 1946 (15 Uhr) eine Esperantosendung auf u. zw.: Rezitation des „Erlkönig"; Vortrag von Dir. Hans Sappl: Die Notwendigkeit einer internationalen Verkehrssprache (deutsch): Rezitation von „Espero".

AEF dankt im Namen aller öst. Esperantisten den beiden Sendern für die Aufnahme von Sendungen über Esperanto und gibt der Hoffnung Ausdruck, daß es mit der Zeit möglich sein wird, dem Esperanto einen etwas größeren Raum in der Programmgestaltung zu geben.

### Wie urteilen Persönlichkeiten über Esperanto?

Kardinal Fürsterzbischof Dr. Piffl: „Lasset unsere Kinder Esperanto lernen — es ist die Weltsprache der Zukunft!"

Alt-Bürgermeister Karl Seitz: „Das Werk Dr. Zamenhofs ist ein weiterer Schritt zur Lösung des Weltsprachenproblems. Der große Menschenfreund hat sein Werk „Welthilfssprache" genannt. Damit wollte er sagen, daß seine Schöpfung nicht die Aufgabe hat, irgendeine nationale Sprache zu verdrängen."

Peter Rosegger: „Ja, gerade zum Schutze der nationalen Sprachen, damit sie nicht international zerschlissen werden, sondern ihre Eigenart bewahren können, brauchen wir eine internationale Verkehrssprache wie Esperanto."

Leo Tolstoj: „Die Opfer, die der Mensch unserer europäischen Welt bringt, indem er einige Zeit dem Studium des Esperanto widmet, sind so klein und die Resultate so groß, daß niemand es sich versagen sollte, diesen Versuch zu machen."

Henry Barbusse: „Ich möchte eure Aufmerksamkeit auf das Allereinfachste und Dringlichste richten: auf die Verbreitung der internationalen Sprache."

Jan. A. Comenius: „Fest steht unser Wunsch, daß man eine Sprache wählt, die alle Völker gemeinsam sprechen, welche leichter sei als alle bekannten Sprachen."

Professor Piccard: „Ich bin überzeugt, daß auf wissenschaftlichem Gebiete Esperanto große Dienste leisten kann."

Dr. h. c. Alfred Fried: „Ich bin seit Jahren der unerschütterlichen Überzeugung, daß durch die Esperantosprache das Problem der internationalen Hilfssprache vollständig gelöst ist."

Maxim Gorki: „Man muß bekennen, daß jeder die Verbreitung der Esperanto-Sprache fordern und mit allen Mitteln fördern soll."

# Korespondado

Unufoja korespond-anonceto dulinia por AEF-anoj senpage. Plua anonceto kaj por aliaj personoj kostas ŝil. 2.— aŭ 2 sv. fr. Ni petas, skribu la adresojn legeble.

Mallongigoj: L= letero; PK = Poŝtkarto; PM = poŝmarko; kun ĉ. l. = kun ĉiuj landoj.

**Aŭstrio** S-ro inĝ. Viktor Hopf, Vieno 89, poŝtfako 118, L kun ĉ. l. pri arto, kulturo kaj scienco.
S-ro kand. inĝ. Robert Karl Frühmann, Vieno XVI., Ottakringerstraße 35/15, il PK kun ĉ. l. bildflanke afrankite.
S-ro Johann Hajny, Vieno XVI., Grundsteingasse 34/6, L kun ĉ. l.
S-ro Alois Grabner, Vieno V., Bräuhausgasse 73/4, L kun ĉ. l., ŝanĝas E-gazetojn kaj bildkartojn.
S-ro Josef Eder, Eichberg 72, Post Graz-St. Veit, Steiermark, L kun ĉ. l. pri kulturo de fruktarboj, diversaj metodoj de tranĉado, greftado kaj pomologio.
S-ro Walter Watzinger, Villach, Widmanngasse 27, Kärnten, 20 j. instruisto, L kun ĉ. l. pri ĉ. t. kun k-ad(in)oj.
F-ino Wuggenig Herta, Villach, Unt. Heidenweg 16, Kärnten, 19 j. abiturientino, ŝanĝas L kun aŭstraj kaj eksterl. s-an(in)oj.
S-ro Franz Watzinger, Villach, Richard-Wagner-Straße 13, Kärnten, lernejdirektoro, kor. k. ĉ. l. kaj ŝanĝas gazetojn.
S-ro Fritz Dampierre, Wien V., Hauslabgasse 25, interŝanĝas il. PK.
S-ro Helmuth Gerbert, polico-sekretario, Linz-Urfahr, Blütenstraße 3, pri arto, vivo, turismo, alpinismo, mondkoncepto; interŝ. vidaĵkartojn, fotografaĵojn ktp.

**Bulgario.** S-ro Hristoslav Iv. Meĉev, str. C. Boris 13, St. Zagora, L kun aŭstra studento, laboristo kaj a. kaj interŝ. PM.
S-ro Torkom Aslanjam, str. Sv. Kiril-Metodi 5, Burgas, L kun violonludant(in)o pri lernmetodo, muziknotoj kun aŭstro.
F-ino Virginia Vasidev, str. Panagujriŝte 3, Sofio, 21 j., L kun aŭstra esp-ist(in)o.

**Irlando (Eire).** S-ro John M. Kelly, Glenstal Priory School, Muroe, Co. Limerick, ŝanĝas PM, fotografaĵojn, artikolojn por ĵurnaloj.

**Nederlando.** S-ro A. C. Spaans, Krispijscheweg 197, Dortrecht, L kun aŭstra esp-ist(in)o pri ĉ. t. ne pri PM. Estas 40 j.
K-do A. Prins, Koog a. d. Zaan, Julianastraat 50, deziras kor. kun aŭstra k-do aŭ k-dino pri ĉiuj temoj.
S-ino Netty J. Wansem, Schoterweg 166, Harlem, komencantino, interŝanĝas il. PK.

**Germanio.** S-ro Otto Rogall, (21) Selm, Kr. Lüdinghausen, Westfalen, brita zono, kor. kun ĉ. l.

**Letzte Mitteilung der Redaktion:**

Mit Bezug auf die wiederholten Anfragen wegen dringend benötigter Lehr- und Wörterbücher teilen wir mit, daß sich die seit Monaten vorbereitete 3. Auflage des Lehrbuches von Hofrat Hugo Steiner „Freude durch Esperanto" nunmehr endlich in Druck befindet und nach der letzten Mitteilung der Druckerei voraussichtlich doch noch vor Ablauf dieses Monates erscheinen soll. Andere Lehrbehelfe sind ebenfalls schon seit längerem vorbereitet, doch ist ihre Fertigstellung wegen der bekannten Schwierigkeiten im heurigen Jahre leider nicht mehr möglich. Der Esperanto-Verlag „Tramondo" hat alle bei den derzeitigen Verhältnissen möglichen Bemühungen eingeleitet und hofft deshalb, die Esperantistenschaft ab 1947 mit etwas mehr Lern- und Lesestoff versorgen zu können.

**Por la venontaj festotagoj kaj la Novjaro ni deziras al ĉiuj gesamideanoj feliĉon kaj prosperon!**




Eigentümer und Herausgeber: Österreichischer Esperantisten-Verband. Verlag: Tramondo. Verantwortlicher Redakteur: Alfred Berdan, sämtlich Wien I., Neutorgasse 9. Druck: Holzwarth & Berger, Wien I., Börseplatz 6.